# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 4 (77) aŭgusto 2013*

## gajaj konkursoj dum IET-3






**Moskvo, 2013**

# enhavo










# REGo

## (Rusia Esperanto-Gazeto)

**№ 4 (77) aŭgusto 2013**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2013:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 500 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono*** *– 200 rub. (5 eŭroj)*

*La 15-an de julio 2013 en la ripozejo "Raketa" ĉe la kabo Tarĥankut en Krimeo (Ukrainio) sukcese finiĝis la 3-aj Internaciaj Esperanto-Tagnoktoj (IET-3), kiuj okazis ekde la 1-a de julio 2013. Dum la unua semajno pasis Familia E-tendaro "Rideto", organizita de Anĵela Belenko kaj Jefim Zajdman, dum la dua – Renkontiĝo de Amikoj (RA-8), kies ĉeforganizanto estis Katerina Arbekova. Entute partoprenis 52 personoj (19 viroj kaj 33 virinoj): 26 personoj el Rusio (Novosibirsk – 6, Krasnojarsk – 3, Samara – 2, Arĥangeljsk – 2, Moskvo – 2, Taganrog – 2, Uljanovsk – 2, Ĉeljabinsk – 2, Jekaterinburg – 1, Ribinsk – 1, Tjumenj – 1, Lobnja – 1, Tomsk – 1); 23 personoj el Ukrainio (Jalta – 10, Kievo – 8, Odessa – 2, Simferopolj – 2, Doneck – 1); po 1 persono el Germanio, Belgio kaj Francio.*

*La fotoj pri IET-3 estas faritaj de Sergej Abramov, Katerina Arbekova, Anĵela Belenko, Lubovj Skoraja, Jefim Zajdman.*

## FAMILIA E-TENDARO

Bedaŭrinde, dum la unuaj 4 tagoj estis pluvego kaj malvarma maro plena de grandaj meduzoj. Tamen la programo dum la unuaj tagoj bone funkciis.

Ĉiu mateno komenciĝis de gimnastiko ĉemara en ajna vetero. Post matenmanĝo sekvis E-kursoj: intensa rektmetoda kurso kun gestelementoj laŭ metodo de Rafael Gonzales (Jefim Zajdman) kaj konversacia rondo kun surtablaj ludoj (Anĵela Belenko).

Post tagmanĝo ĉiutage funkciis metiejoj de origamio (Larisa Osadĉuk el Kievo) kaj animacia studio (A.Belenko). Unufoje okazis interesa dinamika ludo (Viktor Vilĥa el Odeso) kaj bonega ŝipeta ekskurso laŭlonge de la marbordo al Atleŝ kaj reen, dum kiu ni naĝis en la maro ĉirkaŭ la ŝipeto. Do, la matena kaj taga programoj estis preskaŭ ĉiutage konstantaj.

En la vespera programo estis:

– Improviza prezento de modoj "Tarĥankut-2013" (manfaritaj ekzotikaj vestoj kun komentoj).

– Aŭkcio (Vladimir Minin).

– Kavaliraj turniroj: unua parto – elekto de "Belega Sinjorino" (neatendite venkintoj estis du: adoleskuloj Daŝa kaj Angelina el Novosibirsk), dua parto – elekto de "Brava kavaliro". En la ĵurio estis la "Belegaj Sinjorinoj", kaj el la kvar pretendantoj oni ne povis elekti la pli bonan, rezulte ĉiuj 4 ricevis po "duonkoro" el manoj de la Belegaj.

– Teatra vespero (organizis Viktor Vilĥa), en kiu teamoj prezentis fabelon "Kolobok" ("Panbuleto") en diversaj ĝenroj: romantik-komedia, detektiva kaj historia. Ĉiuj spektakloj estis brilaj, la unuan lokon gajnis la tria.



– Solista koncerto de Paŭlo Moĵajev, kiel ĉiam brila, kiun sekvis longa improviza koncerto de gitaristoj Paŭlo Moĵajev, Slava Bondarjkov, Aleksandr Burkovskij, Larisa Osadĉuk.

La vespera programo ĉiam finiĝis per vesperaj fabeloj kun teumado (A.Belenko). La nokta programo (Gufujo) inkluzivis kantojn ĉe lignofajro kaj ludon "Homlupoj". Kutime partoprenantoj de la ludo venis poste al la lignofajro, kie sonis la ĉarmaj gitarludo kaj voĉo de Slava Bondarjkov. Ankaŭ la komencanta esperantisto Saŝa Burkovskij laŭtkantis rokstile ruse kaj angle.

La organizantoj ĉi-foje ne invitis jaltan E-teatron, ĉar tio postulus multe da mono por la loĝado kaj veturo tien-reen, sed preparis miniaturojn por aktoremaj partoprenantoj. La aktoroj troviĝis tuj: Daŝa Arbekova, Artur Grigoriev, Larisa Osadĉuk prezentis skeĉon "Somnambulo" en "Rideto" kaj aliajn skeĉojn – en RA kun Ĵenjo Slovaĉevskaja kaj Daŝa (Viglulino) el Moskvo. Daŝa komencis lerni esperanton meze de la intensa kurso kaj rapide progresis. Ŝi ankaŭ arte plenumis rolon de vilaĝa simplulino en la konkuro de belulinoj.



La intensan E-kurson partoprenis 12 personoj el Novosibirsk, Krasnojarsk, Moskvo, Uljanovsk, Samaro, Jalto, Ivanovo, pli ol duono el kiuj estis novuloj.

Okazis ankaŭ "Duobla tradukado", kiun partoprenis tri paroj: Zajdman-Vilĥa, Minin-Ŝapoŝnikova, Slovaĉevskaja-Neĉes. Por traduko ni uzis duonpaĝan tekston el la romano "Kuranta tra ondoj" de A.Grin. Rezultoj de du paroj estis bonaj, t.e. retradukitaj el Esperanto al la rusa tekstoj estis tre proksimaj al la originalo.

La 8-an de julio okazis ekspozicio de origamio kaj pupteatro: nova versio de "Tri porkidoj", kiun prezentis pupistoj Larisa kaj Asja Osadĉuk kun helpo de infanoj.

Tiel finiĝis la unua en Ukrainio Familia E-tendaro "Rideto". Ni esperas, ke sekvan Familian E-tendaron partoprenos pli amase kaj ukrainanoj kaj rusianoj.

Tuj poste sekvis solena malfermo de RA-8.

Restas aldoni, ke ĉiuj partoprenantoj ricevis la kantareton "Elektitaj kantoj de Jefim Zajdman", kelkaj el kiuj estis kreitaj ĵus antaŭ la aranĝo. Unu el ili, "Tarĥankut-blus'", aperos en Esperanto kaj la rusa en retejo de la ripozejo "Raketa" en informo pri Esperanto.

***Anĵela Belenko, Jefim Zajdman (Ukrainio)***

## TIU SUNA VORTO "RA"

Kiam oni aŭdas la vorton "RA", la unua, kio venas en kapon, estas la egipta dio de Suno. Tamen la Esperanta nomo de la dio estas Reo. Do, tio signifas, ke estas subkomprenata io alia. Vere. RA estas Renkontiĝo de Amikoj, kiu okazis ĉe Nigra maro en Krimeo.

Onidire en la bazejo "Raketa" pluvis komence de la unua julia semajno. Tamen kiam ni (la uljanovska teamo) aperis tie, la suno brilis hele kaj la ĉielo helbluis kaj sennubetis. Tio agordis niajn animojn maĵore. Plena semajno ĉe Nigra maro en amika rondo – post streĉitegaj longaj aŭtuno-vintraj tagoj tio ŝajnis neimagebla. Kaj Esperanto – preskaŭ forgesita, ĉar unu el ni malmulte okupiĝis pri ĝi dum la jaro! Estis agrable ree aŭskulti tiun mirindan lingvon kaj paroli kun novaj amikoj el Francio kaj Germanio, kun malnovaj amikoj el Ukrainio kaj Rusio, konatiĝi kun novaj komencantoj kaj progresantoj, refreŝigi Esperanton, vizitante lecionojn de Jefim Zajdman, kanti kun Slava Bondarjkov dum antaŭvesperaj kunvenoj. Bedaŭrinde mi ne sidis ĉe lignofajro kaj ne gustumis bakitajn terpomojn, per kiuj preskaŭ ĉiunokte regalis nin Jefim. Onidire estis bongustega noktomanĝo.

La bazejo estis bone konata por ni, ĉar ni jam partoprenis en IET, kiu en 2008 okazis ĉi tie. Ĝi ŝanĝiĝis malmulte. Ĉirkaŭe same kreskis diversaj plantoj: morusarboj, cidonioj, *prunus cerasifera* (ĉerizprunoj, "алыча"). Estas konstruitaj nur novaj laŭboj ĉirkaŭ la placeto ĉe la drinkejo. Sur tiu ĉi placeto regis la eleganta Danila Arbekov. Lia danco-kurco logis al la placeto dezirantojn eĉ dum antaŭtagmeza varmego.

Tre interesa ŝajnis al mi la programo de RA, bone preparita de la krea kaj fantazi-riĉa Katja Arbekova: ĉiu tago estis dediĉita al io – sporta tago, luda tago, ekskursa tago, ĉokolada tago... Cetere, oni povis rimarki, ke la tagordo de la renkontiĝo estis detale planita. Jam matene ni ĝuste sciis, pri kio ni okupiĝos dumtage. Kaj je la planita horo ĉiuj dezirantoj kunvenis.

Metiejon de Tatjana Drugova vizitis kun grandega intereso plenkreskuloj kaj infanoj. Admire ili montris poste memfaritajn florojn. Kafaj ludiloj, faritaj sub gvido de Katja Arbekova, ankoraŭ longe memorigos per sia bonodoro pri Tarĥankutaj tagoj. Infanoj, virinoj, eĉ viroj kun plezuro faris diversajn modelojn: katojn, fiŝojn, ursojn ktp.



Larisa el Kievo kaj ŝia pupa teatro... La teatraĵeto "Tri porkidoj", prezentita de infanoj kaj gejunuloj, estis (laŭ ŝiaj vortoj) provludo antaŭ eksterlanda vojaĝo, kaj la teatraĵeto sukcesis!

Kaj certe E-

lecionoj de Jefim. Mi vizitis E-kurson kun granda plezuro. Post 10 lecionoj la komencantoj jam sufiĉe bone komprenis sian instruiston kaj povis partopreni ĉiuvesperajn ludojn, elpensitajn de Marina Stepaĉova.

Al mi tre plaĉis la ĉokolada tago. Ĝi portis multajn ĝojojn kaj ridetojn al ĉiuj. Dum ĉokolada vespero nur kelkaj homoj estis spektantoj. Preskaŭ ĉiuj aktive partoprenis viglan programon. Tre interesaj taskoj kaj konkursoj, kvizo pri ĉokolado kaj certe premioj. Kiaj? Bongustaj! Ĉokoladaj! Ankaŭ mi kaj Oljga Ĥruŝĉova, mia samĉambranino el Moskvo, ricevis donacitan de Sergeo Abramov ĉokoladon, kiun li gajnis dum unu el la konkursoj. Necesas mencii, ke Oljga kune kun Vladimir Minin (Tomsk) estis aktivaj ludantoj en multaj konkursoj. Kaj ĝuste por tiu tago estis ellernita la ĉokolada kanto, kiu ofte sonis ankaŭ dum la antaŭkvinjara renkontiĝo en Tarĥankut: "Ĉoko-ĉoko-ĉokolado, dolĉa, dolĉa la bombon'..."

Kvartaga programo "La lasta heroo"... Mi ne partoprenis kaj eĉ ne spektis ĝin. Tamen mi ĝuste scias, ke ripozintoj sur vilaĝa sabla plaĝo kun intereso rigardis kaj certe zelotis por unu el du multhomaj teamoj. Dum tiu ĉi tempo la bazejo malpleniĝis, kaj nur la plej pigraj plaŭdis en pura akvo de la golfo aŭ sunbruniĝis sur ŝtonoza bordo de la bazejo.



Laŭmaraj kaj perbusetaj informdonaj ekskursoj al Atleŝ impresis ĉiujn. Unu el la ĉefaj vidindaĵoj estas konstruita en 1816 blankŝtona lumturo, kies alto estas 42 m. Je 3 km for de la lumturo troviĝis pli frue granda vilaĝo Karaĝa (nuna Olenevka), apudas vasta bieno de general-majoro V.S.Popov. Onidire al ĝi kondukis vojo kun ambaŭflanke plantitaj rozarbustoj. Tio ne estas imagebla sur malfekunda ŝtonoza dezerto (krimea stepo). Tamen laŭ vojrandoj videblas ĝis nun eglanterioj (sovaĝaj rozarbetoj), kiuj anstataŭis la antaŭan riĉecon. Fiŝistoj ĉe Atleŝ kaptas mugilojn per iloj, kiujn oni uzis en antikva tempo. Ilin alportis ĉi tien ankoraŭ grekoj kaj turkoj. Ankaŭ unikaj belaĵoj de pitoreskaj rokoj estas neforgeseblaj. Dum mara ekskurso ni vidis delfenojn, petolantajn en la maro, kaj fotis ilin, kvankam ili estis tre rapidaj.

Notindas, ke iufoje vespere nin atendis surprizo – Paŭlo Moĵajev, kiu plenumis multajn kantojn. Liajn "33 bovinojn" kantis ĉiuj ĉeestantoj. Tamen precipe populara iĝis en la bazejo la kanto de J.Zajdman laŭ muziko de Tommy Steele "Tarĥankut-blus'". La direktoro de la bazejo eĉ petis Jefim-on traduki la kanton el Esperanto al la rusa, por ke ĝi iĝu himno de la bazejo. La "Kanto de olda fraŭlo", kiu revas pri fidela hundo, plezurigis nin per sia refreno. Junaj E-novulinoj kaj solidaj spertuloj gaje bojis, plenumante ĝin.

En la manĝejo ĉiuvespere gitarludis Slava, kaj ni kantis laŭ kantareto de RA novajn kaj malnovajn kanzonojn. La refrenon entuziasme kunkantis ĉiuj.

Vespere ni sidis sur bone konataj plaĝaj ŝtonegoj kaj observis sunsubiron. La maro tenere karesis la bordon. Kaj ni rememoris, ke en 2008 la maro ofte ondis kaj ne ĉiam eblis naĝi apud la bazejo. Multaj homoj preferis tiam la lagon kun kuracŝlimo malgraŭ longa vojo.

Sed nun... Ni multfoje naĝis en la apudbazeja maro. Sergeo Abramov ŝatis subakviĝi kaj esplori subakvan mondon. Tamen, verŝajne, meduzoj malhelpis lin: li ne trovis marajn trezorojn.

Do, nia RA sukcesis. Mi esperas, ke ĝi restos memorinda por ĉiuj partoprenantoj dank' al Katja, ŝiaj gefiloj, kiuj helpis al la patrino, dank' al Marina, Tatjana kaj aliaj helpantoj, dank' al bona organizado de la aranĝo.

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

---

**Kanto de olda fraŭlo**
***laŭ melodio de "Carry your weight" de Beatles, ŝerca teksto de J.Zajdman***

Se havus mi fidelan hundon,
Kun ŝi promenus sen rimena ŝnuro (2)
en parko.
Ŝi povus esti anstataŭ edzino mia
Ni noktumus kune (2)
sur planko.

Sed mi hundon tute ne hav',
Tute ne havas hundon.
Sed mi hundon tute ne hav',
Tute ne havas ĝin.

Se havus mi fidelan hundon,
Por ŝi mi trovus korespondamikon (2)
en reto.
Kaj ili hurlus en skajpo
Je plena forto de la dinamiko (2)
duete.

Se havus mi fidelan hundon,
Kun ŝi parolus nure Esperante (2)
tuttage.
Kaj poste kune vojaĝus
Per la Pasporta Servo elegante (2)
senpage.

Sed…

*majo 2013*



**Mia koro (IET-3)**
***laŭ la kanto "Mia koro" de la grupo "Splin", E-teksto de J.Zajdman***

Ni ne estis konataj ĝis nuna somero,
Vagabondis aparte sur tero kaj mar',
Sed okazis, ke ambaŭ ni ĵetis la ankrojn
En la sama tagnokta ĉemara tendar'.
Kaj mia koro tuj ĉesis frapi, /
Mia koro flugis for. / 2-foje

Kaj post tiam ni ĉiam vekiĝas je l' sepa,
Eĉ se dormas ne plu ĉe la Nigra Mar',
Por prepari la kafon je Tonny M-repo
Kaj fintrinki je gusto de Dolchamar'.
Kaj mia koro tuj ĉesas frapi, /
Mia koro flugas for. / 2-foje

Vi ja revis fariĝi kantistino elstara
Kaj koncerti por glor' de la verda mond',
Ke aplaŭdu vin ne nur la amikaro,
Sed vi kantas malpli laŭte ol JoMo.
Kaj mia koro tuj ĉesas frapi, /
Mia koro flugas for. / 2-foje

Ankaŭ mi, dank' al Dio, nek Pele, nek profeto,
Nek Oskar-premiito aŭ parlamentan'.
Mian nomon ne havas eĉ kurta strateto,
Sed malhelas la ĉambro kaj pretas divan'.
Kaj mia koro tuj ĉesas frapi, /
Mia koro flugas for. / 2-foje

Bildojn, kiujn mi vidas, multaj ne povus vidi
Eĉ post vino aŭ drogoj en la sonĝa flu'.
Mia koro tuj ĉesis frapi,
Trankviliĝis iome kaj …
ekfrapis plu.
Mia koro tuj ĉesis
frapi,
Mia koro flugis
for.
Mia koro ĵus ĝis-
revidis,
Mia koro flugis
for.

*junio 2013*



**Muzikisto**
***la grupo "Voskresenje",***
***trad. J.Zajdman***



Pendigis la surtuton sur la
seĝon muzikant',
Ordigis per la nerva man'
ĉemizon ĉe la bant',
Alsidiĝu pli proksimen por
pli bone aŭdi,
Se ankoraŭ vi ne drinkis tro,
Pri malĝojaj kaj feliĉaj, bono
kaj malbon',
Kruelo de malamo kaj la sankta am',
Kio regis kaj plu regas sub la Dia tron'.
Ĉion en la muzik', plensenca kiel psalm'.

La jaroj viaj flugas tra tumulta tera bru',
Por kio venis vi al ter', memoras vi ne plu.
Violono ĉion vivan en animo vekos,
Se ankoraŭ vi ne drinkis tro,
Pri malĝojaj kaj feliĉaj, bono kaj malbon',
Kruelo de malamo kaj la sankta am',
Kio regis kaj plu regas sub la Dia tron'.
Ĉion en la muzik', plensenca kiel psalm'.

Laciĝis majstro (iun ajn oldigus la dolor'),
Englutis vinon, sed sur lipoj nur amarodor' .
Kaj foriris, forgesinte
eĉ kapkline
ĝisi,
Kvazaŭ trinkis vinon
ĝis ebri'.
Sed en foliarsusuro
kiel pala fon'
Inter la homa bruo
restis melodi'
Pri malĝojaj kaj feli-
ĉaj, bono kaj
malbon',
Kruelo de malamo kaj
la sankta am'.
*junio 2013*



# PREFIKSE UZATAJ E-VORTOJ

**parto 7** [1]

**PRETER**

Mi trovis tamen en lia libro fragmenton, kie la patro del historio sin montras iom **pretergrunda**. Temas pri la katoj de Egiptujo.
*Alen Kris, Britio, La Ondo de Esperanto, 2007, 12, p. 17*

Unu el la grandaj meritoj de la verko eble estas **preterintenca**: ĝi fariĝis la plej vasta sortimento de propraj nomoj en Esperanto, ne nur komplemente, sed eĉ kompletige al PIV.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Heroldo de Esperanto, 2006, 2, p. 3*

Ni ankoraŭ ne tre interesiĝis pri knabinoj, sekve ne ĝenis nin vestiĝi per la praktika dura sortimento da jakoj kaj mallongaj pantalonoj aŭ kulotoj, kiujn oni aĉetis por ni esperante, ke ili eltenos ĝis ni **preterkreskos** ilin.
*William Auld, el la angla, Literatura Foiro, 223 (okt. 2006), p. 230*

Tamen, la bebo estas absolute belega, vere dolĉa infano. Nia sola zorgo estas, ke kelkfoje li ŝajnas havi ringon da hela lumo ĉirkaŭ la kapo, sed Maria diras, ke li **preterkreskos** tion.
*William Auld, el la angla, La Kancerkliniko, 71 (jul.-sep. 1994), p. 9*

Post kelkjara interrompo, la eksaj komunistoj – nun ili nomas sian organizaĵon Litova Demokratia Laborista Organizaĵo (LDLP) – **preterrapidis** kaj superis la Litovan popolfronton.
*Laimius Stražnickas, or., Litovio, Monato, 1993, 4, p. 10*

La kulminaj scenoj starigas moralajn dilemojn pri la valoroj de absolutismo kaj kompromisemo kaj la ecoj de vere heroa konduto. La deaera atako de Smaŭgo al la apudlaga urbo, la aliancoj, taktikoj kaj kolizioj inter la diversaj gentoj, iliaj estroj kaj armeoj, enpensigas paralelaĵojn niatere kaj donas al la libro **pretertempan** aktualecon.
*MacGill-familio, or., Nov-Zelando – Hungario, Monato, 2001, 6, p. 26*

Tutklare kaj surprize(?!) montriĝis ke la movado en Aŭstralio brile **pretervivis** la organizadon de la 82 Universala kongreso.
*Margaret Furness, or., Aŭstralio, Heroldo de Esperanto, 1999, 2, p. 2*

Dum monato ŝi ŝparis ĉiun eblan cendon, ĝis tia rezulto. Dudek dolaroj ĉiusemajne ne **pretersufiĉas**. Elspezoj estis pli grandaj ol ŝi antaŭkalkulis.
*Donald J.Harlow, el la angla, O.Henry, La donaco de la magoj, La Ondo de Esperanto, 2001, 12, p. 10*

Sekve, la Kongreso...
aparte petas al UN kaj Unesko daŭrigi tiun ĉi kampanjon **preter** la jaro 2001...
*el Rezolucio de la 86-a UK en Zagrebo, Esperanto, 2001, 9, p. 141*

---

[1] La antaŭaj partoj aperis en REGo №№ 3-4 (70-71) – 6 (73), 2012; 1 (74) – 3 (76), 2013.

Marta kaj mi **preterlaboraj**. (Titolo de la recenzo)
*A.Gonĉarov, or., Rusio, La Gazeto, 94 (apr. 2001), p. 27*

Mi plie skribis dum la konstelacioj **preterekskursas** mian fenestron...
*K.Jakobo, el la usona, La Gazeto, 82 (apr. 1999), p. 18*

Sankta Mikaelo estas azilo por **pretervivintaj** viktimoj de la naziaj konceptoj, precipe en...
*Donald Broadribb, or., La Gazeto, 96 (okt. 2001), p. 21*

Ne estas **preteratentaj** eĉ araba anekdoto kaj la agoj de antikvaj aŭguristoj, kiuj esploris la ventrojn de siaj ĵus buĉitaj viktimoj.
*Jakub Hasan, or., Literatura Foiro, 178 (apr. 1999), p. 109*

Alia miskompreno estis tiam, kaj fojfoje ankoraŭ nun, ke tio ne estas en la fundamento, do estas **preterfundamenta**, estas ja kontraŭfundamenta...
*Carlo Minnaja, or., Italio, Literatura Foiro, 177 (feb. 1999), p. 34*

Kompreneble oni povas certagrade ilin **pretervidi,** malhelpi, aŭ eĉ krimigi – tamen ili ĉiam ekzistas.
*or., Norda Prismo, 1968, 3-4, p. 163*

La tuta amplekso de la juna E-literaturo estas markita de la tendenco al universaleco. Tion evidentigas ĝia evoluo. La poezio multe antaŭiris la prozon, abunde florante... La novelo, aliflanke, sorbis preskaŭ la tutan atenton de la prozistoj, dum la romanon oni **preterzorgis**.
*P.P.Nogueira, or., Norda Prismo, 1972, 1, p. 8*

Karlo, Reĝo de la eta Regno... deturnis la kapon por kaŝi siajn larmojn kaj forte interplektis la leprajn manojn por ne ĉirkaŭbraki sian filinon.
"Ho, Perlo! mia princineto, mia **preterpreza** Perlo! vi ja estas filino de reĝo..."
*Marjorie Boulton, or., Anglio, Norda Prismo, 1958, 1, p. 22*

La okuloj de la malsanulo estis **preternature** penetraj. Rudolf Sander parolis kun sia tuta koro.
*Trevor Steele, or., Aŭstralio, Neniu ajn papilio, Vieno: IEM 200, p. 238*

Kaj kompreneble estas ĉiam la tria mondo, kie nura **pretervivo** estas masiva problemo.
*Tevor Steele, or., Aŭstralio, Neniu ajn papilio, Vieno: IEM 200, p. 234*

Ili opiniis, ke per muziko mi ne povus **pretervivi**. Mi do elektis la trian aŭ kvaran eblecon – komputilojn, kiujn mi jam de antaŭe ŝatis.
*Maria Avramova, or., Bulgario, Kontakto, 1998, 2, p. 6*

Serpentoj kaj lacertoj **pretersibladis**.
**Preterkreski** kulturon ŝtonepokan.
*el kolekto de Klara Ilutoviĉ, Rusio, ricevite en marto 1998*

Ŝi viŝis al si la okulojn. Iom post iom la ekvilibro revenis.
"Mi frenezas doni al malsukceso tiom da graveco" – ŝi diris mallaŭte, kaj ŝia voĉo refirmiĝis tute dum ŝi plue dialektis:
"Finfine fiaski estas parto de la viv', ĉu ne? Kial **prie** malsaĝi."
*Johán Valano, or., Ĉu li bremsis sufiĉe?, Antverpeno – La Laguna, TK-Stafeto, 1979, p. 100*

Se Donella sciis pri tio, ŝin mi tamen ne plu povas demandi **prie.**
*Corrado Tavanti – István Ertl, or., Italio – Hungario, Tiu Toskana septembro, HEA, Budapesto, 1990, p. 76*

Ĉu pretekste, ĉu recenze, ĉu nur cite? Mi vidos, kia fariĝos la ĝenro. Ĉiuokaze, mi prezentu mian ĉefan motivon de la **pri-ado**: la problemoj kaj konkludoj...
*Blazio Vaha, or., Hungario, Hungara Vivo, 1989, 6, p. 240*

Efektive lia liriko estas tiel tembunta, tiom stilvaria, diversĝenra kaj diversforma... tiel socikritika movad- kaj **kredo-pria**, virindefenda, por-okaza aŭ interpersona...
*Christina Declerk, or., Literatura Foiro, 147 (feb. 1994), p. 37*

En sentitola soneto, kiel Hohlov, li komparas sian **priaton** al ŝtonlaboristo, kiu izolita masonas... skulptas, brikas kaj betonas.
*Timothy Carr, or., Literatura Foiro, 128 (dec. 1990), p. 47*

... la komitataj kunvenoj similis al simpozioj de embriologoj **priantaj** raportojn kaj diagramojn pri pulso, sangocirkulado....
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1998, p. 57*

Tiu konstanta ripetado pri la albana honorkodo lin ĉagrenis. Finfine, ĉu temas pri karnaj homoj aŭ pri abstrakta ŝablono **pri-albana**.
*Johán Valano, or., Ĉu li bremsis sufiĉe?, Antverpeno – La Laguna, TK-Stafeto, 1979, p. 40*

... kiu koncernas ĝian povon ravi la leganton kaj **priargumentas** la neceson de inteligenta sinteno al premo...
*A.Fjodorov, or., Rusio, La Gazeto, 31 (dec. 1990), p. 15*

– Senkulpigu min; eble post tempo mi kapablus redakti en maniero konvena al vi, post ioma praktikado kaj lernado de la ĉi-loka parolmaniero; mi eĉ **pricertas**.
*Jean-Luc Tortel, el la angla, M.Twain, Ĵurnalismo en Tenesio, La Ondo de Esperanto, 6, 2006, p. 15*

Pro tiu povreco vi vomemis, kaj ĉion kion vi pli frue malamis vi nun **prideziras**, kaj nur hazardo estis...
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 509*

Tiu terur-skua ekkono pezfalas sur la junan generacion ĉe la sojlo de la vivo, kaj

sub ĝia premŝarĝo unuj forrifuĝas en la rock-and-rollan **priforgeson**, dume la aliaj surprenas la krucon.
*or., Jugoslavio, Tragedio en la Universo, Zagreb, 1961, p. 91*

"Mi ne atendis ricevi liton," diris Ned.
"Ho, ne estas certe ke vi bezonas tion. Dependas de la decido de la kuracisto," informis flegistino. Kvin minutojn poste ŝi **prihurlis** al li piĵamon.
"Senvestiĝu, vestu al vi la piĵamon..."
*David Curtis, or., Monato, 2002, 1, p. 29*

Certe estus bele feliĉigi la tutan homaron... similan **priideon** de estonta komunismo ni, la rusoj, feliĉe jam trapasis.
*Fonto, 255 (3, 2002), p. 28*

– Ankaŭ tion mi ne scias
– Sed kian laboron?
– Nenian **priideon** mi havas.
*Lorjak, or., Retoj, eld. Fondumo Esperanto-Säätiö, Finnlando, 1978, p. 29*

Ĝis nun mi ne ekkonis katolikon, al kiu mi povus **prijuĝi** tiun senegoan sintenon.
*Vinko Oŝlak, or., Aŭstrio – Slovenio, Literatura Foiro, 209 (jun. 2004), p. 133*

Oni arestis 600 protestantojn, kiuj i.a. **priĵetis** membrojn de la ŝtata Kontraŭ-Terorisma Taĉmento...
*Rudolf Fischer, or., Monato, 1998, 5, p. 9*

... kion la filozofio instruas min, ke saĝa kaj bona viro bone sukcesos en ĉio, kion li **prikapablas**, sed...
*Thorsteinn Thorsteinsson, el la islanda, Norda Prismo, 1969, 1, p. 41*

Mi vere ne estis ŝin rimarkinta kaj nun estas al mi iom malagrable, kaj mi ridetas por tion **prikaŝi.**
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 470*

Antaŭ la homa **prikono**, ververe, ekspitis du universoj.
*or., Jugoslavio, Tragedio en la Universo, Zagreb, 1961, p. 13*

Tina, la funebranta vidvino, sentis sin ankoraŭ juna, sentis sin ŝatinda floro. Ŝi estis **prikonscia** kaj ne rezignis velkadi en soleca melankolio.
*Salvador Guma, or., Hispanio, La Gazeto, 44 (jan.1993), p. 13*

La sola temo, kiun Joe Paulby kaj mi sukcesis **prikonsenti**, estis ke lia kuzino Mim estas la sola fraŭlino en la mondo, kiun indus enamiĝi.
*Seán Osborne, el la angla, Fonto, 76 (apr. 1987), p. 9*

Ke tia distingo estas malpreciza kaj ke ofte ĝi kaŭzas pli da problemoj ol ĝi solvas, tion jam multaj **prikonsentas**...
*Carlo Minnaja, or., Italio, Literatura Foiro, 149 (jun. 1994), p. 145*

Adamo desur eluzita muro deprenas kronon plektitan el spikoj tritikaj kaj **prikro-**

**nas** sian reĝinon.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 571*

Tio kompreneble plej ofte implikis lin en ĝuste tiajn aventurojn, kiajn ni ŝatas **pri-legi**.
*W.Anderson, or., La Gazeto, 74 (jan. 1998), p. 26*

En tiu nokto post mia reveno, mi estis sendorma. Mi ŝaltis la tablolampon kaj iom plifortigis la **prilumon**. Mi elprenis libron kaj...
*Mu Binghua, or., Ĉinio, Riveroj, 1997, 15, p. 23*

En la daŭro de fulmo, laŭ peto de Kant, tiu instalis tableton kaj **primetis** ĝin por du.
*Deck Dorval, or., Jaĥto veturas for kaj veturigas la morton, Flandra E-ligo, Ant-verpeno, 1983, p. 176*

Oni ne **primiru** tion malebla – aldonis la scienculo.
*or., Jugoslavio, Tragedio en la Universo, Zagreb, 1961, p. 19*

La diskuto en la trinkejo, plejparte politika, estis interesa, sed mi ne bone koncen-triĝis. Io alia **priokupis** min.
*Trevor Steele, or., Aŭstralio, Neniu ajn papilio, Vieno: IEM 2000, p. 283*

Ili estas lokoj en la dezerto kiuj vere **pripensigas** alian planedon.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 96 (okt. 2001), p. 17*

Nur poste li aldonis: – Sed pri vi ekzemple... indus **priplekti** romanon.
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero Berkeley, 2002, p. 79*

... oni spertis ke Esperanto fakte estas ideo de la dua speco – "sintrudema absurd-nocio", kies potencon **pripoemis** Schulhof, Kalocsay kaj Auld.
*Mark Fettes, or., Kanado, La Gazeto, 23 (jan. 1989), p. 19*

Igi nin, ke ni forĵetu la poezion, la patrujamon, la buntan vivon de la sterkejo, la etoson de la parfuma kadavr-odoro, kiun niaj poetoj tiom bele **pripoemis**...
*Sándor Szathmári, or., Hungario, Norda Prismo, 1972, 2, p. 85*

... kiam venas en lian kapon bona **pripoeminda** ideo.
*Maria L. das Neves (edzino de Gonçalo Neves), or., Literatura Foiro, 134 (dec. 1991), p. 17*

Ĝenerale la amo eĉ sen **pripreĝo** povas ricevi dian gracon.
*Miyamoto Masao, el la japana, Ihara Saikaku, Kvin virinoj de amoro, eld. Pirato, Oosaka, 1966, Japanio, p. 44*

... tamen ĉion deklaritan el la balkona alto de nia provizora prezidanto... ĝi **prirea-gas** ankaŭ per tujpetardoj, budapeŝte cinikaj ŝercoj.
*István Ertl, or., Hungario, Monato, 1989, 12, p. 24*

Certe vi **priremoras** eĉ nun la fabelojn, kiujn ne unufoje, sed milfoje rakontis la

avinoj. Spinraspajn fabelojn...
*or., Jugoslavio, Tragedio en la Universo, Zagreb, 1961, p. 81*

Kio do mi estas? De kie mi devenas? **Prirespondo** ne estas ebla. Aldone mi diru...
*Salvador Guma, or., Hispanio, La Gazeto, 30 (okt. 1990), p. 10*

Tamen oni ne povas **priscii** ilian agadon sen fariĝi societano.
*OGunlawa Emmanuel Olorunfemi, or., Niĝerio, Kontakto, 2000, 5, p. 10*

Ili decidis **priscii** la aferon. Kvindeko da viroj kaj junuloj ekiris kun bonaj ĉevaloj kaj pretaj pafiloj.
*Gersi Alfredo Bays, or., Brazilo, La Profeto de Pedras, Fonto, 2001, Brazilo, p. 73*

Vi vokas serviston severe,
Vestiĝas sen troa neto,
Forpelas postsonĝan penson –
Ja antaŭ bonŝanca veto
Ne indas **priŝarĝi** menson.
*Ivan Naumov, or., Rusio, REGo, 2001, 1 (3), p. 46*

Do, diskutado fikse **pritemis** min laŭ ŝia raporto kaj tuj kiam ili laciĝis...
*G.Kirkwood, T.Steele, N.Nicholas, D.Broadribb, el la angla, Mary Webb, Malbeno kara, Beverley, Aŭstralio, 1994, p. 111*

Ŝi **priungis** mian vizaĝon. Mia peruko defalis, kaj ŝi gapis al mia nuda kapo.
*Karl Pov, el la angla, Sferoj-1, Sciencfikcio kaj fantasto, 1982, Hispana E-Federacio, p. 123*

Provu konduti kiel eble plej dece, kaj serĉu antaŭ ol ĉio la kialojn; sciiĝu ekzemple pri la speco de viro, kiun ŝi nune **privolas**.
*António De Macedo, or., La Kancerkliniko, 88 (okt.-dec. 1998), p. 10*

## PRO

Karakteriza por ili estas ankaŭ tio, ke ili ofte finas siajn sonetajn kolierojn per pentdeklaroj de la aŭtoro, kiu celis al la virinaj allogoj kaj terure suferis **proe** – io, kio efektive ekzistas ankaŭ en la ŝekspira sonetaro.
*Dimitar Haĝiev, el la bulgara, Literatura Foiro, 208 (apr. 2004), p. 68*

Sed Toronto, granda urbo, pligranda aree ol Tokio, tamen multe malpli loĝata, kun pli da arboj kaj floroj, ne min surprizis. Mi ne scias, ĉu tio **proas** pro Toronto mem aŭ pro mi. Verŝajne pro mi.
*K.Jakobo, el la angla, La Gazeto, 61 (dec. 1995), p. 20*

Kia kreanto, tiu Karolo Piĉ. ... Li **probatalas** literaturverkadon, sed ankaŭ la Internan Ideon, homajn rajtojn...
*Christian Declerck, or., Belgio, Monato, 1998, 4, p. 22*

... mi kriis **prodolore**...
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 170*

Ne **proridu** min.
*el kolekto de Klara Ilutoviĉ, Rusio, ricevite en marto 1998*

Ĉi tiu laŭdinda praraŭmisma linio konas escepton: la universala kongreso. Simple ĉar UK tiuepoke efektive **propulsis** la tutan esperantan kulturon, kaj akcellis kolektivan agnoskon pri la ekzisto de la litertura lingvo kaj individuajn perceptojn pri la ekesto de nova idfenteco.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 224 (dec. 2006), p. 286*

## SE

Bone parolantaj REJM-anoj estas petataj, **se-venaj** al OkSEJT, helpi al E-instruado kaj priservo de la porkomencanta programo. ... Ni esperas, ke **se-sciaj** anticipe pri postkomencanta tendaro E-instruistoj diversurbaj, ret-instruantoj celos siajn post-komencantojn...
*V.Malenko, A.Gonĉarov, or., Rusio, REGo, 2002, 4 (11), p. 27*

Tre volas mi E-agadi en Krimeo, sed tre nestabila politika situacio ĉirkaŭ tiu diuon-insulo povas malhelpi tion. Tio kaj **sesekva** fiasko ĉe la sekva fianĉino povas trans-meti min subite en Moskvon...
*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, letero al Irina Gonĉarova, 1996*

Se via filino havas propran retadreson, bonvolu komuniki ĝin al mi por **sebezono**.
*A.Gonĉarov, or., Rusio, retletero al A.Melnikov, 2001*

La reklamo postulas tempon, kiun ni ne jam havas, se ne tuj ekokupiĝos pri la or-ganizado. ... Dank' al nia **sefrua** anonco, venus aliaj naturkuracantoj.
*A.Gonĉarov, or., Rusio, retletero al Judita Rey-Hudeĉek+INA-estraro, 2002*

## SED

La episkopo jam senesperantis ke li puŝos la knabeton amata ĝis la seminario granda, kiam **sede** li aŭdis lin kanti ion latine.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroata Prozo, Zagreb, 1970, p. 11*

## SEN

Tamen graciaj, rigidmankaj: tute **senaj** je nervozo.
*Miguel Fernández Martin, Portugalio, Literatura Foiro, 142 (apr. 1993), p. 70*

Zeŭso plu mutis, inter ĉi du buŝoj pafaj, **senaj** je decidemo.
*Gonçalo Neves, or., Fonto, 140 (aŭg. 1992), p. 14*

Dum la la sataj 20 jaroj ne okazis tiom sufoka vetero sen pluvo. Estis la plago por Koreio – pereis multaj animaloj pro **senakvo** legomoj, fruktoj.
*E.Kovtonjuk, or., Ukrainio, Helianto, 1995, 5, p. 1*

Mi **sencelumas** en la kuirejo en piĵamo kaj atendas ke Ana foriru en la malgrandan ĉambron.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 462*

La meteoroj fariĝis pleja artvaloraĵo. ... unu estis tute blanka, brilblanka, unu absolute nigra, velurnigra, ĝi estis ĉion sorbanta en sin, en infinitan profundon de **ĉioseno**. Sen surfaca kolor-irizo, sen rebriloj, sen grizecoj. Nur nigra senfunda vortico...
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 54*

Malmirinde, en ĝuste la samaj "neglektaj" regionoj troviĝas la plej integraj, **sendamaĝaj** ekosistemoj de la Amerikoj...
*Mark Fettes, or., Kanado, Monato, 1992, 10, p. 15*

Multaj **sendormis** tranokte, eluzante sian ŝancon ekkoni novajn homojn kaj amikumi.
*or., Koreio, La Espero el Koreio, 1994, 5, p. 11*

Mi deziras havi edukan ministerion, kiu festus la *Tagon de instruistoj*, sed en efektiveco **sen-festi** la tagon estas intenco de la ministerio.
*Hori Yasuo, or., Japanio, La Ondo de Esperanto, 2006, 3, p. 12*

Usono, Aŭstralio, grandaj partoj de Afriko kaj Orienta Eŭropo liveras preskaŭ **senfinejon** da "libera" ebenaĵo herbejoj k.s. por surteriĝi.
*Gerrit Berveling, or., Nederlando, Monato, 1991, 7*

... Marta. Tiu, sola en la iama patra hejmo, kudras kaj teksas dum la tuta tago por vivteni sin, katenita de endemia **senĝojo**.
*Liven Dek, or., Fonto, 177 (sep. 1995), p. 14*

Kaj ju pli viroj interesiĝis al ŝi, des pli ŝi **seninteresiĝis** pri siaj studoj lernejaj.
*Chamberline Nguefack Zedong, or., Togolando, Femina 2007, 9, p. 21*

Post neniam ekzistinta socialismo ni pasos en epokon **sen-isman**, kun antagonismoj ne ideologiaj (ideologioj ankaŭ ĝis nun servis por kaŝi la beste elstomakajn pluviv-instinktojn) sed ekonomiaj.
*István Ertl, or., Hungario – Nederlando, La Gazeto 97 (dec. 2001), p. 16*

Sed neniu atendis lin ĉar li fariĝis **senkomprena**.
*G.Kirkwood, T.Steele, N.Nicholas, D.Broadribb, el la angla, Mary Webb, Malbeno kara, Beverley, Aŭstralio, 1994, p. 72*

Mortkondamno ne ĉefe pro la mortigo sed grave pro mia **senlarmo** dum la entombigo de la patrino kiu mortis ĵus antaŭ la kazo.
*Mao Zifu, or., Ĉinio, Riveroj, 1997, 16, p. 23*

La vivo ŝajnis al ŝi peza kaj **senmorgaŭa**...
*Lidja Zamenhof, el la pola, H.Sienkiewicz, Quo Vadis, p. 106*

Tamen kuraĝaj junuloj paŝis en la kuirejon por teumado junulara kaj babilado pri la movado kaj la **senmovado**.
*Heroldo de Esperanto, 13, p. 2*

... malriĉuloj, ŝirvestitaj kaj **senparfum-odoraj**. Onidire la malsato kaj povro estas kontaĝaj.
*S.N.Mozaffari, or., Fonto, 96 (dec. 1988), p. 7*

Sed la sento de soleco re- kaj rekaptas lin en la kaĝojn de l' sopiro kaj **senplenumo** de la dezirataĵo esence, vakuigante lian animon kaj bruligante lian poetikon.
*Nicolino Rossi, or., Italio, Literatura Foiro, 178 (apr. 1999), p. 98*

Ĝi diferencas de aliaj internaciaj kunvenoj plej klare per sia **sentraduko.** Plie ĝi estas popola interŝanĝo. [Pri Universala Kongreso]
*Peng Zhengming, or., Ĉinio, El Popola Ĉinio, 2000, 2, p. 14*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

---

## FORPASIS IVO BOROVEČKI (1924-2013)



D-ro Ivo Borovečki, Honora Membro de UEA, forpasis la 23-an de julio en Pula (Kroatio). Li naskiĝis la 25-an de februaro 1924. Dum la Dua Mondmilito li aktive partoprenis en la kontraŭfaŝisma batalo. Li doktoriĝis en la Medicina Fakultato de Zagrebo en 1952. Specialisto pri radiologio, li laboris en Alĝerio en 1956-60, kaj ekde 1961 – en Pula ĝis la emeritiĝo en 1987. Li estis membro de la Kroatia Parlamento en 1963-65.

Ivo Borovečki esperantistiĝis en 1940 kaj aktivis movade ekde 1945, ĉefe en la Zagreba Esperanto-societo "Bude Borjan", kies prezidanto li estis en 1955-56. Li estis komitatano de UEA en 1951-59, prezidanto de Jugoslavia Esperanto-Federacio en 1951-53 kaj prezidanto de LKK de la 38-a UK en Zagrebo en 1953. De 1953 ĝis 1956 li estis redaktoro de la Esperanto-elsendoj de Radio Zagrebo. Li estis lekciisto pri Esperanto ĉe la Ekonomika Fakultato en Zagrebo en 1955-56. En 1959 li gvidis kurson en Adis-Abebo kaj starigis la unuan Esperanto-grupon en Etiopio. Li estis kursgvidanto ankaŭ en sia hejmlando kaj prezidanto de la Esperanto-societo "La Adriatika Stelo" en Pula. Kunredaktoro de "La Suda Stelo" en 1947-50. Ekde 1955 li multe tradukis el la kroata poezio; liaj tradukoj aperis en multaj Esperanto-gazetoj kaj antologioj.

En 1997 d-ro Borovečki estis elektita Honora Membro de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# Bulteno de REU

**JUNIO 2013**

**№77**. Kompilas kaj redaktas Nikolao Gudskov (rete: nikolao@yandex.ru), redaktofino – 04.08.2013

## MARK FETTES ELEKTITA KIEL LA NOVA UEA-PREZIDANTO

Prof. d-ro Mark Fettes el Kanado estis elektita kiel la nova prezidanto de Universala Esperanto-Asocio en la unua kunsido de la Komitato en Rejkjaviko sabaton, la 20-an de julio. Fettes transprenas la prezidan stafeton de Probal Dasgupta, kiu gvidis la Asocion dum du oficperiodoj ekde 2007.

La kunsidon partoprenis 44 komitatanoj aŭ iliaj anstataŭantoj kaj 2 observantoj. Komence ĉeestis nur la komitatanoj A kaj B, kiuj alelektis al la supera organo de la Asocio kvin komitatanojn C. Elektitaj estis Zsófia Kóródy (35 voĉoj), Julián Hernández Angulo (30), Jean Codjo, Stefano Keller (po 24) kaj Orlando E. Raola (21). Ne elektiĝis Marcel Delforge, Josep Franquesa Solé (po 17), kaj Johan Derks (9).

Poste la Komitato diskutis pri la nombro de elektotaj estraranoj kaj aŭdis sinprezentojn de la kandidatoj. Per plimulto de voĉoj oni akceptis la proponon, ke la Estraro konsistu el sep membroj. Origine estis dek kandidatoj, el kiuj Johan Derks forfalis pro sia neelekto kiel komitatano. En la voĉdonado sukcesis Mark Fettes (43 voĉoj), Stefan MacGill (37), José Antonio Vergara (35), Lee Jung-kee (34), Martin Schäffer (33), Stefano Keller (30), kaj Barbara Pietrzak (24). Krome, Orlando Raola ricevis 23 kaj Amri Wandel 21 voĉojn.

La Estraro estas preskaŭ tute nova: nur Stefano Keller kaj Barbara Pietrzak membris ankaŭ dum la antaŭa oficperiodo. Du novelektitoj havas tamen antaŭan sperton pri la laboro en la Estraro: Mark Fettes estis ĝia membro en 1992-1998 kaj José Antonio Vergara – en 2007-2010. La nova Estraro tuj post sia elektiĝo jam havis mallongan kunsidon por fari proponon al la Komitato pri la prezidanto, la vicprezidanto kaj la ĝenerala sekretario: respektive Mark Fettes, Stefan MaGill kaj Martin Schäffer. Tiun proponon la Komitato akceptis unuanime.



***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## RESPONDECOJ DE LA NOVAJ UEA-ESTRARANOJ

La nova Estraro de UEA decidis pri la laborkampoj de siaj membroj.
**Mark Fettes** (prezidanto) gvidas la subteamon "Mastruma Evoluo": Strategia laborplano, financo, Centra Oficejo, kongresa politiko, TEJO, CED, <uea.org>;
**Martin Schäffer** (ĝenerala sekretario): Komitato, komunika politiko, Delegita Reto, financo kaj administrado (kunlabore kun Fettes);
**Stefan MacGill** (vicprezidanto) gvidas la subteamon "Movada Evoluo": Kapabliga agado (ILEI, <edukado.net>, aktivula trejnado), Komisionoj pri Oceanio kaj Afriko;
**José Antonio Vergara**, subteamo "Konsciigo": Tutmonda Inform-Reto (TIR); Faka agado, Terminologia Esperanto-Centro (TEC), IKU; TEJO kaj CED (kunlabore kun Fettes);
**Stefano Keller** gvidas la subteamon "Monda Evoluo": Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj urboj;
**Barbara Pietrzak**: Kultura evoluigo (i.a. Akademioj lingva kaj Literatura, Belartaj Konkursoj), Komisionoj pri Eŭropo kaj Mezoriento/Nord-Afriko;
**Lee Jung-kee**: Kapabligo (kunlabore kun MacGill), Novaj landaj asocioj, Komisiono pri Azia Esperanto-movado, E-Centroj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA 98-a UK INAŬGURITA EN ĈEESTO DE LA ŜTATESTRO

La 98-a Universala Kongreso de Esperanto estis oficiale malfermita dimanĉon, la 21-an de julio, en la Rejkjavika kongresejo Harpa. La Alta Protektanto, la islanda prezidento Ólafur Ragnar Grímsson, ĉeestis la inaŭguron kaj legis sian salutmesaĝon. Krom la prezidento, ĉeestis ankaŭ kvar membroj de la Honora Komitato de UK: ministro pri kulturo Illugi Gunnarsson kaj eksministro pri kulturo Katrin Jakobsdottir, kaj la esperantistoj prof. Sigurður Líndal kaj Baldur Ragnarsson. Per sia ĉeesto honoris la inaŭguron ankaŭ la ĉina ambasadoro Ma Jisheng, la germana ambasadoro Thomas Meister, la pola aferŝarĝito Lech Mastalerz kaj la rusia aferŝarĝito Aleksej Ŝadskij. Ĉeestis ankaŭ Ulrich Brandenburg, germana ambasadoro en Moskvo kaj membro de la Honora Patrona Komitato de UEA, kaj Ragnar Baldursson, konsilisto en la islanda ambasado en Pekino.

Hannes Högni Vilhjálmsson kiel prezidanto de LKK bonvenigis la kongresanojn al Islando, post kio Claude Nourmont, Vicprezidanto de UEA, legis la jam tradician salutmesaĝon de d-ro inĝ. L.C.Zaleski-Zamenhof. La Ĝenerala Sekretario Barbara Pietrzak anoncis la novajn Honorajn Membrojn de UEA.

Novaĵo en la inaŭguro estis filma paŭzo, kiu pro teknikaj problemoj tamen iom prokrastiĝis, donante spacon al la tradicia muzika paŭzo, kiun plenumis la argentina pianistino Teresita Alaniz. Tuj poste la salono mallumiĝis por la monda premiero de la mallonga animita filmo "Espero" de la reĝisorino Simone Gianpaolo. La filmo estas originale farita en Esperanto, kun la voĉo de Mariana Evlogieva.

Sekvis la salutparoladetoj de TEJO (vicprezidanto Michael Mandirola), ILEI (prezidanto Mireille Grosjean), Akademio de Esperanto (vicprezidanto Brian Moon) kaj SAT (Nikolao Gudskov). La plej longa sed vigla programero estis la

kavalkado de salutoj de la landoj reprezentataj en UK.

Post komuna kantado de la Himno, prezidanto Dasgupta deklaris la 98-an UK malfermita per la oficiala martelo de UEA, ricevita donace en la 33-a UK en la sveda Malmö en 1948.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVAJ HONORAJ MEMBROJ DE UEA

*En sia unua kunsido en Rejkjaviko, la 20-an de julio, la Komitato de UEA elektis tri novajn Honorajn Membrojn de UEA. Jen iliaj biografietoj.*

**ROLAND LINDBLOM (Svedio)**

Naskiĝis 1931-01-19. Eklernis Esperanton 16-jara kaj jam post ses monatoj gvidis kurson. En 1950 li fariĝis prezidanto de la distrikto de Sveda Esperanto-Federacio en Okcidenta Svedio. En 1958 li kunfondis Svedan Esperantistan Junularan Unuiĝon kaj iĝis ĝia vicprezidanto. En 1974 li fariĝis vicestrarano, en 1976 estrarano kaj en 1978 prezidanto de SEF, kiun taskon li plenumis ĝis 1985. Lindblom membriĝis en UEA en 1953, fariĝis vicdelegito en 1957 kaj delegito en 1970. Komitatano de UEA li estis en 1978-1986, 1992-2001 kaj 2007-2010, estrarano en 1983-1986 kaj kunordiganto de la Elekta Komisiono en 1999-2002. Li estis prezidanto de LKK de la 65-a UK en Stokholmo en 1980 kaj de la 88-a UK en Gotenburgo en 2003. La Alta Protektanto de la 65-a UK estis la parlamentestro Ingemund Bengtsson, kiun li persone konis kaj kies apogon al Esperanto li povis utiligi diversokaze. Lindblom reprezentis UEA en du Unesko-konferencoj en Stokholmo: en 1978 pri informado kaj en 1998 pri kulturo. En 1998 li reprezentis UEA ĉe konferenco de ISO en Stokholmo.

**BIRUTA ROZENFELDE (Latvio)**

Naskiĝis 1933-12-18. La periodon de 1949 ĝis 1956 ŝi pasigis en la Amura regiono de Sovetio, kien ŝia familio estis deportita. Ŝia esperantista patro ekinteresis la filinon pri la lingvo. Reveninte al Latvio en 1956 Biruta studis en la Riga Pedagogia Instituto, kie ŝi partoprenis ankaŭ Esperanto-kurson kaj tuj ekaktivis en la movado. En 1959 ŝi organizis la unuan Baltian Esperanto-Tendaron (BET) apud Rigo. La tradicio de BET (nun Baltiaj Esperanto-Tagoj), alterne en la tri baltaj ŝtatoj, daŭras; en 2014 okazos en Latvio jam la 50-a BET. Rozenfelde aktive partoprenas en ilia organizado. En 1993 ŝi prelegis kaj koncertis en Finnlando. Ŝi partoprenis en multaj UK-oj kaj estis komitatano A de UEA en 1995-2010. Ekde 1993 ŝi estas fakdelegito pri kulturo. Ŝi estas vicprezidanto de Latvia Esperanto-Asocio kaj gvidas Esperanto-klubon ĉe la Latva Societo de Rigo.

**HALLGRÍMUR SÆMUNDSSON (Islando)**

Naskiĝis 1926-06-19. Sæmundsson esperantistiĝis en 1947. Li membris en UEA ekde 1948 kaj estis dum jardekoj la plej agema movadano en Islando. Li senĉese aktivis por la Rejkjavika Esperanto-societo “Aŭroro” kaj por Islanda Esperanto-Asocio (IEA), kaj gvidis kursojn. Dum multaj jaroj li provlegis la revuon *La Tradukisto*, por kiu li tradukis novelojn el Esperanto en la islandan kaj inverse. Li esperantigis la klasikan islandan infanlibron *Blondulo* (2007) kaj tradukis el Esperanto en la islandan la infanlibron *La varma rivereto* de E.Starovasnik. Li estis

komitatano A de UEA en 1980-1986 kaj poste observanto ĝis 2001. Delegito li estis en 1949-1960 kaj ekde 1977. Li estis la ĉefa fondinto de la libroservo kaj biblioteko de "Aŭroro" kaj longe prezidanto de "Aŭroro" kaj de IEA. Li partoprenis en multaj UK-oj ekde Bournemouth en 1949 ĝis Kopenhago en 2011. Kiel sekretario de LKK de la 62-a UK en Rejkjaviko en 1977 li decide kontribuis al tio, ke tiu UK estis titolita "perlo en la kongresa koliero". La sorto malebligis al li vidi la UK-on por la dua fojo en Islando, ĉar post elĉerpa malsano li forpasis la 22-an de junio.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## REZOLUCIO
## DE LA LA 98-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

1034 partoprenantoj en la 98-a Universala Kongreso de Esperanto, venintaj el 55 landoj de ĉiuj mondopartoj al la plej norda ĉefurbo, Rejkjaviko, sur la insulo Islando,

**Diskutinte** en pluraj sesioj pri la temo *Insuloj sen izoliĝo: por pli justa komunikado inter lingvo-komunumoj*;

**Konstatas**, ke insuloj – historiaj, geografiaj kaj sociaj – estas originaj fontoj de biologia kaj kultura diverseco, kiujn indas konservi kaj protekti;

**Esprimas** maltrankvilon pri la nuntempe akriĝantaj minacoj al tiu diverseco, pro pluraj homogenigaj kaj detruaj tendencoj de la regantaj ekonomiaj kaj politikaj sistemoj tutmonde;

Samtempe **bonvenigas** la kreskantajn ŝancojn por translima kaj transkultura interkompreniĝo, kiujn donas la disvastiĝo de komunikaj rimedoj kiel Interreto;

**Atentigas** pri la graveco de lingva diverseco kaj lingva justeco en la protektado de tiu kultura bunteco, kiun heredigis al ni la insuloj de la mondo;

**Memorigas**, ke ĝuste tiu protektado de diverseco estas kerna valoro de la movado por la internacia lingvo Esperanto;

**Konfirmas** la volon de la Esperanto-movado kunlabori cele al mondo de "insuloj sen izoliĝo", kie ĉiuj lingvoj kaj kulturoj povas kunekzisti kaj plue disflori en reciproka respekto;

**Alvokas** al mondvasta kunlaboro per lingve justaj rimedoj por kontraŭstari la minacojn de klimatŝanĝo kaj biokultura homogeniĝo;

**Asertas** la urĝecon de tia agado por konservi la trezorojn de nia insuleca planedo.

***Rejkjaviko, 27 julio 2013***

## KOMITATANOJ B ELEKTITAJ POR LA PERIODO 2013-2016

La 17-an de junio okazis en la Centra Oficejo de UEA la nombrado de la voĉoj donitaj en la elektado de ses Komitatanoj B por la periodo 2013-2016. Por tiu tasko la Estraro de UEA nomumis komisionon, kiu konsistis el la Ĝenerala Direktoro Osmo Buller kaj la individuaj membroj Atie van Zeist, Piet Schuil kaj Rob Moerbeek. Laborantoj de la Centra Oficejo helpis la komisionon en la nombrado, kiu daŭris preskaŭ kvar horojn.

La balotilo estis sendita al 4392 individuaj membroj, el kiuj voĉdonis 1188, t.e. 27,0%. Estis 1185 validaj kaj 3 malvalidaj balotiloj. Ĉar pri la ses elekteblaj lokoj konkursis nur sep kandidatoj, la voĉdonado eble ne estis same interesa kiel en 2010, kiam por la sama nombro da lokoj estis 13 kandidatoj kaj la balota procentaĵo estis pli alta, 32,3%. La rekordo, 33,8%, datiĝas de 1998.



*La unua stadio de la nombrado: elprenado de la balotiloj el la kovertoj. Ĉiuj poŝtmarkitaj kovertoj estos venditaj al filatelistoj en Roterdamo. (Foto: Francisco L. Veuthey)*

Plej multe da voĉoj, 1002, ricevis **Mark Fettes**. La aliaj sukcesaj kandidatoj estis **Stefan MacGill** (973), **José Antonio Vergara** (887), **Barbara Pietrzak** (881), **Amri Wandel** (874) kaj **Dennis Keefe** (859). Ne elektita estis **Johan Derks**, kiu ricevis 566 voĉojn.

La Komitatanoj B reprezentas en la supera organo de UEA la individuajn membrojn. Estas elektata unu Komitatano B por ĉiu komencita milo da membroj laŭ la stato fine de la antaŭa jaro. Krome, ĉiuj aliĝintaj landaj kaj fakaj asocioj kun minimume 100 membroj rajtas nomumi Komitatanon A. Aliaj asocioj nomumas observantojn, kiuj ne havas voĉdonrajton en la kunsidoj de la Komitato. Fine, la Komitatanoj A kaj B rajtas alelekti Komitatanojn C, kies nombro ne rajtas esti pli ol la kvarono de la suma nombro de la Komitatanoj A kaj B.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA KOMITATO VIGLE DEBATIS KAJ ELEKTIS KONSILION

La 26-an de julio okazis la lasta kunsido de la Komitato de UEA, kun emfazo sur la estonta agado. Ĝin karakterizis vigla kaj bonkvalita debatado. Buĝeto 2014 estis akceptita, sed kun du montransigoj, ambaŭ en valoro mil eŭroj. Estraraj vojaĝkostoj reduktiĝos ĝis € 9000, sendokostoj ĉe Jarlibro reduktiĝos ĝis € 6500. Tio ebligis plusojn ĉe Movada Evoluigo: Edukado altiĝas ĝis € 4000 kaj Eksteraj rilatoj ĝis € 3000. La buĝetoj por fondaĵoj en 2014 estis senmodife akceptitaj. La Komitato konfirmis la decidon de la Estraro rezervi en la kapitalo sumon cent mil eŭroj por renovigo de la asociaj retejo kaj administrado. Elektitaj estis nova konsisto por la Komisiono pri Financo kaj Administrado, kaj du novaj komitataj reviziantoj.

La Komitato plie faris modifeton en la regularo de la Internacia Kongresa Universitato kaj en tiu pri kotizperantoj. Restis malmulta tempo por diskuti la Strategian Planon. Oni atentigis pri la graveco pli bone konigi ĝin, laŭeble poparte per pli simplaj kaj klaraj tekstoj. Post aldono de unu frazo pri Esperanto-kursoj por poŝ-

telefonoj, la Komitato akceptis la Strategian Planon.

La Komitato de UEA kreis novan komisionon, kiu ricevis la nomon Konsilio kaj kiu proksime kunlaboros kun la nova Estraro pri la efektivigo de la Strategia Laborplano de UEA. La Komitato difinis ĝian rolon jene:

*La Konsilio enhavos homojn, kiuj povas kontribui al la evoluigo de la ĉefaj agadkampoj de la Asocio: Konsciigo, Kapabligo, Komunumo, Kunordigo. Ĝi estos gvidata de la Ĝenerala Sekretario de UEA kadre de la Estrara subteamo pri "mastruma evoluo", kiu inkluzivas la Prezidanton kaj la Vicprezidanton.*

*La Konsilio ne kunsidos fizike inter la kongresoj, sed okazigos virtualajn kunsidojn proksimume ĉiun duan monaton. La celo de tiuj kunsidoj estos resumi la progreson, kontroli la laborplanon por la venontaj monatoj kaj trakti eventualajn problemojn aŭ demandojn pri kiuj necesas pli vasta diskuto. La tagordon por tiuj kunsidoj pretigos la Ĝenerala Sekretario konsulte kun la Estraro kaj la Konsilio.*

*La Konsilio povas fari rekomendojn al la Estraro kaj Komitato, sed tiuj ĉi restas la solaj decidorganoj de UEA. La celo tamen estas, ke sur la diversaj agadkampoj la koncernaj estraranoj kaj konsilianoj formu koheran teamon, kiu kunpensos kaj kunaktivos en praktika kaj harmonia maniero.*

Kiel membroj de la Konsilio estis elektitaj: Petro Baláž *(Slovakio)*; István Ertl *(Luksemburgio);* Heidi Goes *(Belgio);* Trezoro Huang Yinbao (*Ĉinio);* Zsofia Kóródy *(Germanio);* Michela Lipari *(Italio);* Mélanie Maradan *(Svislando);* Francesco Maurelli *(Britio);* Johannes Mueller *(Germanio);* James Rezende Piton *(Brazilo);* Veronika Poór *(Hungario);* Orlando Raola *(Usono);* Amri Wandel *(Israelo);* Rafael Henrique Zerbetto *(Brazilo).*

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA PAROLIS EN UN PRI ESPERANTO POR DIPLOMATOJ KAJ PRI RAJTOJ DE INDIĜENOJ

La semajno 8-an – 12-an de julio 2013 estis agadoplena por UEA-teamanoj ĉe UN en Ĝenevo, kiuj aktivis en la 6-a sesio de Ekspertaj Mekanismoj pri la Rajtoj de Indiĝenaj Popoloj (EMRIP). Krom la ĉeftemo de la ĉi-jara kunsido, *Studo pri la aliro al justeco en la antaŭenigo kaj protektado de la rajtoj de indiĝenaj popoloj*, la kunvenintoj traktis ankaŭ la konkludan dokumenton de la evento okazinta junie en Alta, Norvegio, pretiginta la pintan UN-kunsidon de 2014: Monda Konferenco pri Indiĝenaj Popoloj.

Verena Graf, Adrian Tanner kaj Stefano Keller, reprezentantoj de UEA, ĉeestis en tiu signifa UN-



*Stefano Keller en interparolo kun indonezia diplomato*

evento, kiu okazas unufoje jare. Dum la semajno estis pluraj ebloj esprimi la opinion de UEA pri lingvaj rajtoj, ĉu dum specialaj kromkunvenoj, ĉu diskutante kun reprezentantoj de indiĝenaj popoloj kaj de aliaj NRO-oj.

Keller alparolis en du paralelaj eventoj. La unua konsistis el liaj gratuloj kaj dankesprimoj al la Ĝeneva organizaĵo *doCip* (dokumenta, informa kaj esplorcentro por indiĝenaj popoloj), kiu per siaj servoj signife kontribuas al la subteno de indiĝenoj, ĉefe helpante ilin dum koncernaj UN-eventoj kaj plurlingve disponigante dokumentojn. Tiu NRO konsilis kaj helpis ankaŭ al UEA en la organizado de la Simpozio pri lingvaj rajtoj, okazinta ĉe UN en 2008.

En sia dua alparolo, en la laborgrupa kunveno de *Incomindios* (Internacia komitato por indiĝenaj popoloj de Ameriko) Stefano Keller substrekis la gravecon de la interdependeco de lingva kaj biologia diversecoj kaj akcentis pri la neceso konservi la biokulturan riĉecon en la mondo, je kies bazo estas la defendo, pluvivigo kaj respekto de ĉiu etna lingvo, por kio UEA laboras.

La plej signifa elpaŝo de la estrarano de UEA pri eksteraj rilatoj dum tiu EMRIP-sesio estis lia alparolo en la ĉefkunsido. Citante la punktojn 1 kaj 2 el la Artikolo 13 de la Deklaracio de Unuiĝintaj Nacioj pri la rajtoj de indiĝenaj popoloj, li prezentis kazon de rompo de lingvaj rajtoj koncerne loĝanton de Svedio, kies gepatra lingvo estas la samea. En rilato kun tiu kazo, Keller sin esprimis pri la pli kaj pli evidentiĝanta neceso atentigi ankaŭ pri la devoj respekti la rajtojn entenatajn en la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj.

Poste, li informis la kunsidon pri la pionira paŝo de la registaro de Indonezio, kiu intencas enkonduki la instruadon de Esperanto en la studprogramon de diplomatoj. Dum la alparolo kaj okaze de personaj renkontoj kun du el la reprezentantoj de tiu ŝtato, Keller vigle gratulis ilin nome de UEA kaj substrekis, ke la uzo de neŭtrala kaj facile lernebla lingvo kiel Esperanto en la internacia komunikado signifas elmontradon de respekto al ĉiu popolo, lingvo kaj kulturo. Li transdonis al la renkontitaj diplomatoj informajn dokumentojn, ekzemplerojn de la revuo *Esperanto en Indonezio*, kopion de la mesaĝo de s-ino Rita Izsák, UN-ĉefo pri minoritataj aferoj, sendita okaze de la 125-jariĝo de Esperanto kaj la Esperantan version de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. Fine de sia alparolo Stefano Keller diskonigis detalojn pri la baldaŭ okazonta UK en Rejkjaviko, al kiu li kore invitis la ĉeestantojn.

Post la interveno venis gratulantoj al li, interalie junula delegacio el Germanio, kies membro diris al Keller, ke ĝis nun li opiniis pri Esperanto ke ĝi estas sensencaĵo, sed la alparolo de la ĉefreprezentanto de UEA konvinkis lin pri Esperanto. Li ricevis de Keller la plej lastan numeron de *Esperanto aktuell*.

Dum la kunsidaj tagoj okazis ankaŭ interparolo kun indiĝenoj cele al informado pri Esperanto kaj starigo de venonta kunlaboro, por kio necesas projekto kun tre klara enhavo kaj celoj, respondanta al la atendoj de indiĝenoj, havante utilecon por ili, kiel ponto-lingvo kaj interligilo inter tradicio kaj moderneco.

Alparolteksto diverslingve, sonregistraĵo kaj video estos publikigitaj rete.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA EN LA ESTRARO DE INFOTERM

La 11-an de junio okazis en Pretorio (Sud-Afriko) la jarkunveno de *Infoterm*, la Internacia Informejo por Terminologio. En la kunveno estis elektita nova estraro de *Infoterm* por la periodo 2013-2016. Mélanie Maradan el Svislando, la komisiito de UEA pri terminologiaj instancoj, fariĝis unu el ĝiaj membroj.

En la nova estraro de *Infoterm* estas sep membroj. Apud Mélanie Maradan estis elektitaj s-ino Albina Auksoriūtė el Lietuvių kalbos institutas (Instituto pri la Litova Lingvo), s-ro Martin Benjamin el Kamusi Project International (organizaĵo por projekto pri vortaroj de afrikaj lingvoj), s-ro Lotfi Ben Said el Institut national de la normalisation et de la propriété intellectuelle (Nacia Instituto por Normigado kaj Intelektaj Propraĵoj, Tunizio), s-ino Anna-Lena Bucher el Terminologicentrum TNC (Terminologia Centro, Svedio), s-ro Jan Hoel el European Association for Terminology EAFT (Eŭropa asocio por terminologio), kaj s-ro A Min Tjoa el Technische Universität Wien (Teknika Universitato de Vieno).

UEA estis akceptita kiel membro de *Infoterm* en majo 2011.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA PREMIIS PER TROFEO FYNE VJETNAMAN ESPERANTO-ASOCION

En la Fermo de la 98-a Universala Kongreso la 27-an de julio en Rejkjaviko estis anoncita la decido de la antaŭa Estraro de UEA pri la aljuĝo de *Trofeo Fyne* al Vjetnama Esperanto-Asocio.

*Trofeo Fyne* estis donacita al UEA de s-ino A.E.G.Otterby el Kanado memore al Adam kaj Erica Fyne. La Estraro de UEA povas aljuĝi ĝin al la landa asocio, en kies lando okazis la plej granda procenta kresko de la nombro de individuaj membroj de UEA aŭ kiu alimaniere grave kontribuis al la plifortigo de UEA. La Trofeo estis unuafoje aljuĝita en 1975.

Vjetnama Esperanto-Asocio estis premiita per la Trofeo pro ĝia multflanka organiza plifortiĝo en la lastaj jaroj, pro granda proporcio de gejunuloj inter ĝiaj vicoj, kaj pro la eksterordinare sukcesa organizado de la 97-a UK en Hanojo pasintjare.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***



*Prezidanto Mark Fettes transdonas la diplomon pri la Trofeo Fyne al Nguyen Thi Nep. (Foto: Amri Wandel)*

## UEA DIPLOMIS 12 ELSTARAJN AGANTOJN

En la Solena Fermo de la 98-a UK en Rejkjaviko oni anoncis la nomojn de 12 esperantistoj, kiujn la Estraro de UEA honoris per Diplomo pri Elstara Agado aŭ per Diplomo pri Elstara Arta Agado.

**Diplomo pri Elstara Agado:**

***Grietje Buttinger*** (Britio) pro gastigado de esperantistoj dum pluraj jardekoj; ***Kostas Kiriakos*** (Grekio) pro lia ampleksa libro en la greka pri Esperanto, aperinta okaze de la 125-jariĝo de la lingvo; ***Zsófia Kóródy*** (Germanio) pro instrua agado kadre de ILEI, KER-ekzamenoj kaj la Interkultura Centro Herzberg; ***Hans Michael Maitzen*** (Aŭstrio) pro reprezentado de UEA ĉe Unuiĝintaj Nacioj en Vieno; ***Mélanie Maradan*** (Svislando) pro agado ĉe internaciaj terminologiaj instancoj kiel reprezentanto de UEA; ***Arikapalli Giridhar Rao*** (Hinda Unio) pro multflanka Esperanto-agado en la faka, instrua-ekzamena kaj organiza kampoj; ***Roland Rotsaert*** (Belgio) pro okupiĝo pri la Esperanto-biblioteko en la flandra urbo Kortrejko; kaj ***Bardhyl Selimi*** (Albanio) pro lia rolo en la plifortigo de la albana Esperanto-movado.

**Diplomo pri Elstara Arta Agado:**

**Gerrit Berveling** (Nederlando) pro kontribuo al la traduka Esperanto-literaturo; ***Jorge Camacho*** (Hispanio) pro kontribuo al la originala Esperanto-literaturo; ***Georgo Handzlik*** (Pollando) pro kontribuo al la Esperanto-muziko kaj eldona agado; kaj ***Mao Zifu*** (Ĉinio) pro kontribuo al la originala Esperanto-poezio.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PREMIO DIANA AITAI ALJUĜITA AL SIRU LAINE

Siru Laine el Finnlando fariĝis la dua ricevanto de la Premio Diana Aitai, kiun UEA starigis per donaco de la estona esperantisto Peeter Aitai omaĝe al la memoro de lia filino Diana, kiu forpasis nur 22-jara en tragika akcidento. La premio celas rekoni kaj kuraĝigi la plej junan aktivan anon de la Internacia Koruso de Universala Kongreso laŭ la rekomendo de ĝia dirigento, ĉi-foje Alan Bishop el Aŭstralio. Diana Aitai mem estis korusano en la UK-oj de Roterdamo (2008) kaj Bjalistoko (2009). Siru Laine, kiu studis en Islando, ne nur kantis en la Internacia Koruso: sed ŝi krome estis membro de la Loka Kongresa Komitato kaj helpis kiel interpretisto kaj ĉiĉerono.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA SERĈOS NOVAN REDAKTORON POR LA REVUO "ESPERANTO"

Inter siaj unuaj paŝoj por efektivigi la novan Strategian Planon de UEA, la ĵus elektita Estraro decidis serĉi novan redaktoron por la revuo *Esperanto*. La kontrakto kun la nuna redaktoro, Stano Marĉek, plu validos ĝis la decembra numero 2013, sed ne estos renovigita por 2014.

"La revuo ludas kernan rolon en la bildo, kiun esperantistoj havas pri UEA," klarigis la nova prezidanto, Mark Fettes. "Mi aŭdis de multaj kongresanoj en

Rejkjaviko, ke ili esperas pri 'nova vento' en la asocio. Ankaŭ mi esperas tion. Kunlige kun diversaj aliaj ŝanĝoj, ni konkludis, ke necesas doni ankaŭ al la revuo freŝajn vizaĝon kaj enhavon."

Marĉek redaktas la revuon jam dum pli ol dek jaroj, kio signifas, ke li estas unu el la plej longe deĵorintaj redaktoroj en la historio de UEA.

"Ni estas tre dankemaj al Stano Marĉek pro lia multjara fidela laboro por la Asocio. Li kunlaboris kun kvar sinsekvaj estraroj – la nia estas nun la kvina. Aliflanke la mondo kaj la movado ŝanĝiĝas, kaj estas tempo funde repripensi la celojn kaj enhavojn de niaj diversaj eldonaĵoj. Por tio ni volas malfermi pordon al novaj homoj kaj novaj ideoj," aldonis Fettes.

La Asocio baldaŭ anoncos konkurson por la redaktora posteno.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## <LERNU.NET> RICEVIS LA PREMION DEGUĈI

Premio Onisaburo Deguĉi, "la esperantista pacpremio", estis starigita per donaco de Oomoto en 1987, la Jubilea Jaro de Esperanto, kaj estis aljuĝata ĉiujare ekde tiam. La Premio konsistas el monsumo 2000 eŭroj kaj el diplomo.

Laŭ sia regularo la Premio Deguĉi estas asignata "pro meritoj en la utiligo de Esperanto kiel rimedo por monda paco kaj homara feliĉo, konforme al la idearo de d-ro Zamenhof kaj al instruoj de Onisaburo Deguĉi, kaj pro kontribuo al la celo de UEA kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvi ĉe ili komprenon kaj estimon por aliaj popoloj".

Per decido de la Estraro de UEA, la Premio Deguĉi de la jaro 2013 estis aljuĝita al la reta projekto <lernu.net>.




La retejo <lernu.net> estis lanĉita en decembro 2002. Ekde tiam amaso da homoj lernis Esperanton per la modernaj retaj rimedoj, kiujn ĝi ofertas. Jam preskaŭ 150 000 personoj ĉie en la mondo estas registritaj kiel ĝiaj uzantoj. "Disvastigante la Internacian Lingvon Esperanto, <lernu.net> plenumas en unika kaj efika maniero la idealojn de la Premio Deguĉi", diris la Estraro en la pravigo de la decido pri la ĉi-jara laŭreato.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

---

# REU-kotizoj por 2013

## – mecenata kotizo: 500 rubloj

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo (vd.sube), sed sur la membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".*

**– individua kotizo por 2013: 250 rubloj (por eksterKSŜanoj – 25 eŭroj).**

*Inkluzivas membrokarton, Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton dum Konferencoj de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La individua kotizo validas por la kalendara jaro 2013.*

**– dumviva kotizo: 5000 rubloj (por eksterKSŜanoj – 500 eŭroj)**

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo dum la tuta vivo de la membro.*

**– familia kotizo: 100 rubloj**

*Inkluzivas membrokarton, voĉdonrajton dum REU-Konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Je familia kotizo rajtas parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj, kiuj loĝas ĉe la sama adreso.*

**– kolektiva kotizo: 70 rubloj por ĉiu aligita membro (aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 membroj).**

*Inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por kolektivoj kun 10-15 aligitaj membroj (kaj por ĉiu aldona deko de aligitaj membroj), aliajn informojn de REU por la kolektivo; membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.* ***Se la kolektivo pagas por malpli ol 10 membroj, ĝi devas aparte aboni REGon****.*

**– aliĝkotizo por novaj aŭ realiĝintaj kolektivoj – 300 rubloj.**

*Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por la aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.*

# Pagmanieroj

**1. Poŝta ĝiro:** 142717 Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой

**2.** En **Yandex-Dengi** oni povas pagi al la monujo 41001612527392

3. Pagi kotizon (post anticipa interkonsento) ankaŭ oni povas **persone en Moskvo**.

4. Tra **Sberbank**.

– Se vi havas propran bankan karton, emisiitan de Sberbank, vi povas ĝiri la monon rekte tra bankmaŝino (банкомат). Tiucele enigu karton, entajpu vian identigan kodon, kaj poste elektu en la menuo: "**Перевод средств**". Entajpu numeron de la karto: 6761 9600 0497 614843 kaj necesan sumon.

– Se vi ne havas karton aŭ aŭtomata ĝiro ne sukcesis, vizitu bankon kaj transpagu la monon, uzante ĉi-subajn datumojn:

Банк получателя: ОАО "Сбербанк России"

БИК 044525225, ИНН 7707083893, КПП 775003035, ОКАТО 45286580000, ДО № 0135, 121069, Москва, Поварская улица, 31/29.

Получатель: Шорохова Наталья Николаевна

Номер счёта получателя: 40817 81003 82604 04119, код подразделения 9038/00135

Bonvolu nepre konsideri, ke samtage kun la ĝiro vi devas retpoŝte aŭ telefone informi nin pri via pago (pere de la adreso **membreco@reu.ru** aŭ numeroj de estranoj). Vi devas informi pri la ĝirita sumo kaj la nomo(j) de persono(j), por kiu(j) estas destinita la pago. Se vi ne informos nin, la mono estos konsiderata kiel anonima donaco por la kaso!

# Eksciu, ke...

## INTERNACIA ESPERANTO-RENKONTIĜO EN ARMENIO

Armenia Esperantista Unuiĝo (AEU) invitas ĉiujn partopreni Internacian Esperanto-Renkontiĝon (IER) "EREBUNI-EREVAN", dediĉitan al la 2795-jariĝo de nia ĉefurbo Erevano. La renkontiĝo okazos de 11.10.13 ĝis 17.10.13. La programo inkluzivas partoprenon en ĉiujara granda urbofesto "Erebuni-Erevan".

Krom la festo, la gastoj partoprenos ankaŭ prezentadojn de du libroj – "Armena-Esperanto-Rusa kaj Esperanto-Armena-Rusa Vortaro" kaj "La fabelo de la lasta penso" de Edgar Hilzenrat (tradukita al Esperanto de J.Gevorgjan kaj S.Gevorgjan).

Vi konatiĝos kun armeniaj vidindaĵoj, vizitos muzeojn, manuskriptejon Matenadaran, gustumos konjakojn en Konjaka uzino, admiros belecon de armenia aŭtuno. La detalojn eblas trovi ĉe <http://aresun.weebly.com/aran284oj-en-armenio.html>. Bonvenon! ***(landa agado)***

## EN KARTVELIO OKAZOS LA 7-a MEZORIENTA KUNVENO

En Tbilisi ekde la 5-a ĝis la 10-a de aprilo 2014 okazos vica renkontiĝo de esperantistoj el mezorientaj landoj.

Belega lando… Bonega etoso… Homoj povas veni antaŭ aŭ post la kunveno kaj pasigi tempon en Kartvelio… Programo: prelegoj, ekskursoj, artaj aranĝoj! Konkurso pri la libro *Kavaliro en tigra felo*!

Ĝeneralajn informojn pri la lando, aliĝinformojn, la programon de la 7-a MK eblas trovi en la koncerna UEA-retpaĝo: <http://uea.org/vikio/La_sepa_Mezorienta_Kunveno_en_Kartvelujo_en_2014>.

Pri la informoj kaj aliĝoj kontaktu la organizantojn: <mezorienta.kunveno@esperanto.org>. ***(uea.org)***

## TIĤVINANOJ ELURBIĜAS

La 12-an de junio okazis la tradicia elurbiĝo de Tiĥvina Esperanto-klubo (TEK). Dum preskaŭ du jardekoj tiĥvinaj esperantistoj fermas ĉiun kluban agadsezonon per komuna festado en pitoreskaj apudurbaj arbaroj.

Ĉi-foje la elurbiĝon partoprenis dek tri homoj kaj unu hundo; inter la homoj,





krom la tiĥvinanoj, ĉeestis du gastoj: Jean-Pier el nia franca ĝemelurbo kaj Oljga el Sankt-Peterburgo.

La programo estis kutime varia kaj brila. Okazis kelkaj gajaj konkursoj. La plej trafajn kantetojn, verkendajn dum 10 minutoj, prezentis la familio Belov kaj Jean-Pier. La plej amuzajn klarigojn pri itinero por la franca gasto prezentis Elena. Plej bone sukcesis dancigi ĉiujn Vasilij kaj Vera. La tradician "darts"-ludon tradicie gajnis lerta Aleksandr... Estis preparitaj tradiciaj ŝaŝlikoj, kaj dum la festa manĝo-trinko pli ol vino fluis kantado.

Ĉirkaŭ la tagmezo ni triumfe, aplaŭde kaj ĝojkrie renkontis netradician novaĵon, ĵus alvenintan: je la duono post la deka la klubo ricevis novan membron. Nia Inga naskis filon, por kiu estis anticipe preta la nomo Matvej.

Post la tagmanĝo ni piediris al Astraĉa, la vilaĝo, kie en 1941 okazis batalo inter la sovetia armeo kaj invadistoj-nazioj, la batalo, kiu fakte iĝis decida por savo de Leningrado. Tie, ĉe la koncerna monumento, okazis iom da memorsolenaĵoj.

Vespere la klubanoj revenis al siaj hejmoj. Post la planitaj someraj vojaĝoj, en septembro ni malfermos novan agadsezonon.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## ESPERANTO – LINGVO DE AMIKECO

Okaze de la 126-a datreveno de Esperanto, en Banja Luka la urba Esperanto-societo "La Mondo" la 21-an de majo organizis la prelegon "Esperanto – lingvo de amikeco". Pri tiu tre grava datreveno prelegis fama esperantisto, mondvojaĝanto kaj vojaĝverkisto Smailo Grbo el Sarajevo.

La gasto el Sarajevo, laŭdis la laboron de banjalukaj esperantistoj kaj parolis pri la lingvo, pri siaj vojaĝoj danke al Esperanto, kaj pri diversaj aktivecoj kaj anekdotoj dum tiuj vojaĝoj.



Tamen profesoro Grbo atentigis pri la problemoj: "Esperanto-lingvo ne estas bazita sur la potenco de la politikistoj kaj la povo de mono, sed sur la potenco de entuziasmo. En Eŭropo tiu entuziasmo malkreskis. Sed

mi ankoraŭ havas fidon, ĉar en Esperanto ekzistas miloj da tradukitaj kaj originalaj libroj, turismaj broŝuroj, estas produktitaj en konsiderinda nombro filmoj, muzikaj KD-oj ktp.”.

En sia longtempa servado por Esperanto prof. Grbo okazigis pli ol cent prelegojn, kursojn, verkis plurajn librojn pri siaj vojaĝoj, kelkajn librojn pri la historio kaj disvolviĝo de la lingvo Esperanto kadre de Esperanto-movado en la eksa Jugoslavio. Estas interesa la fakto ke tio estis la unua prelego de esperantisto el Sarajevo en Banja Luka post la milito en Bosnio kaj Hercegovino.

Post la prelego vizitantoj (esperantistoj kaj amikoj de Esperanto) dum la koktelo vigle babilis kun la gasto el Sarajevo. Pri ĉi interesa okazo skribis la gazetoj “Oslobođenje” kaj “E@Trafika”.

***Miĉo Vrhovac (Banja Luka)***

## UNUA LIBERA ESPERANTO-RENKONTIĜO

La 15-an de junio en la distrikto Pavŝinskaja Pojma rande de Moskvo okazis la Unua Libera Esperanto-Renkontiĝo (LER). Ĝin partoprenis entute 12 personoj. La laborlingvo de la renkontiĝo estis Esperanto. La partoprenintoj sukcesis realigi riĉan, pli ol 6-horan programon, kadre de kiu:

– oni rakontis pri aktualaj Esperanto-projektoj, rusiaj kaj internaciaj;
– pridiskutis la nunan staton kaj perspektivojn de Esperanto-movado en Rusio;
– okazis prezentado de Esperanto-libroj;
– estis kantataj kantoj en Esperanto.

En la unua parto de la renkontiĝo Ludmila Novikova rakontis pri sia vojaĝo al la 7-a Azia Esperanto-kongreso. La rakonton akompanis demonstrado de multaj fotaĵoj kun sonakompano (kantoj en Esperanto, ligitaj kun la kongreso kaj Israelo).

Dmitrij Ŝevĉenko montris la novajn librojn de la eldonejo “Impeto” kaj respondis multajn demandojn, ligitajn kun la planoj de la eldonejo: aperigo de la libroj en kaj pri Esperanto, lernolibroj, vortaroj; elektronikaj libroj; literaturaj konkursoj kaj aliaj projektoj.

Estis pridiskutata ankaŭ la plua evoluo de la revuo “Scienco kaj kulturo”.



Mikaelo Povorin plenumis kelkaj kantojn en Esperanto.

Rezulte de la renkontiĝo estis atingitaj interkonsentoj pri realigo kaj disvolvo de kelkaj projektoj, ligitaj kun Esperanto.

***Dmitrij Ŝevĉenko (Moskvo)***

## LITERATURA KONKURSO *LIRO-2013*

La redakcio de "La Ondo de Esperanto" denove invitas al la tradicia literatura konkurso *Liro*. Post analizo de la lastatempaj *Liroj* kaj konsultiĝo kun fakuloj, la organizantoj ŝanĝis la strukturon de la konkurso. Ekde ĉi tiu jaro la konkurso enhavos nur tradukajn branĉojn.

Por *Liro-2013* estas proponataj du tradukendaj verkoj:

1. Traduko el la angla: "The McWilliamses and the burglar alarm" – novelo de Mark Twain.

2. Traduko el la rusa: "Не верь себе" – poemo de Miĥail Lermontov.

Legu la regularon de *Liro-2013* en la novaĵretejo *La Balta Ondo* <http://sezonoj.ru/2013/07/liro-2013/>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2013

***Poezio*:**

Unua premio: **Nicola Ruggiero** pro *Okazis iam*;
Dua premio: **Benoît Philippe** pro *Atena taverno*;
Tria premio: **Nicola Ruggiero** pro *Nur korvoj du*.
Partoprenis 32 verkoj de 17 aŭtoroj el 15 landoj.

***Prozo*:**

Unua premio: ne aljuĝita;
Dua premio: **Ewa Grochowska** pro *Parentezo*;
Tria premio: **Jesper Jacobsen** pro *La punĉbovlo de la diablo*;
Honora mencio: **Ewa Grochowska** pro *Eskapo*.
Partoprenis 24 verkoj de 12 aŭtoroj el 10 landoj.

***Teatraĵo*:**

Unua premio: ne aljuĝita;
Dua premio: ne aljuĝita;
Tria premio: **Luiza Carol** pro *Tempo rabita*;
Honora mencio: **Nikolao Uzunov** pro *Veronia*.
Partoprenis 2 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

***Eseo*:**

Premio "Luigi Minnaja": **Jorge Camacho Cordón** pro *De hajko al hajko* kaj **Lena Karpunina** pro *Aliro al la mistera Jean Ribillard*;
Dua premio: ne aljuĝita;

Tria premio: **Dimitrije Janicic** pro *Cent jaroj de originala Esperanto-literaturo en Serbio*.
Partoprenis 8 verkoj de 7 aŭtoroj el 5 landoj.

***Infanlibro de la Jaro*:**

**Eldonejo Mondial** pro *La mirinda sorĉisto de Oz* (traduko: Donald Broadribb).
Partoprenis 1 verko de 1 eldonejo el 1 lando.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVAJ DISKOJ DE VINILKOSMO




***VKKD 114. ĴOMART KAJ NATAŜA. "ĴomArtajoj – 'La arĝenta albumo'"***

Post la unua albumo ("La ruĝa albumo", VKKD94), sekvas nun do la dua volumo de la trilogio "ĴomArtaĵoj", ĉi-foje – arĝentkolora kaj pro tio titolita "La arĝenta albumo"!

Ĉi tiun kolekton, entute produktitan de Ĵomart mem en sia propra "JomArt's Studio" en Stokholmo, li dediĉas al la grava komuna kariero kun Nataŝa ekde la komenco. Tiu nedisigebla duopo, kies romantismo distingas ilin tiel, kiel ilia persista sindediĉo al sia fidela publiko, ofertas ĉi tie la esencon de sia artista vojo mem, kiun ili iras nun jam de preskaŭ tri jardekoj.

Ne temas nur pri simpla kompilo de malnovaj kantoj. Ĵomart kaj Nataŝa redisponigas titolojn nun jam malfacile troveblajn (kaj nur surkasede), kaj ili prezentas tiujn titolojn kun siaj tutaj artaj kaj teknikaj spertoj akiritaj dum la iro de la jaroj. La tuta registrado okazis dum 2011 kaj 2012, kaj krome, tion ni nepre menciu, ili prezentas ankaŭ du tute novajn ĝis nun neeldonitajn titolojn.

Se vi volas revoki en vi la unikan varmtonan etoson de la koncertoj de Ĵomart kaj Nataŝa, kiuj ĉiuj similstile estas reproduktitaj en ĉi tiu trilogio, aŭ se vi havas ankoraŭ antaŭ vi la grandan plezuron konatiĝi kun la eksterordinara fama esperantista kantduopo, kiu jam enskribis sin poreterne en la historion de altkvalita Esperanto-muziko, jen nepre ne hezitu akiri ĉiujn tiujn albumojn, ĉar tia kolekto nepre estu tute kompleta. Kiel nomiĝos la tria kodisko de tiu serio? Jam nun eblas veti pri tio! Ni lasu nin surprizi pri la koloro de tiu tria kaj lasta jam planita albumo de la mojosa trilogio.

---




***VKKD 116. I.D.C. (INICIALOJ DC). "Signoj de viv'"***

Post "Urbano" en 2010 kaj petolaĵo en angla popmuziko kun Jules Étienne en 2011 ("-10°C"), i.d.c. revenas kun "Signoj de viv'", dua albumo tute en Esperanto, inspirita de moderna kaj melodia popmuziko.

Kiel en la antaŭaj albumoj, temas denove pri mik-

saĵo de gitaraj kaj elektronikaj sonoj, kiuj formas dolĉan kaj subtilan juvelujon por variecaj tekstoj, kies temoj gamas de antaŭenfuĝo (“La malpeza dormo”) tra amemaj animstatoj (“La grizeco”) kaj perdo de kunulo (“Amikeco sen vizaĝ’”) ĝis oblikva okulumo al la Esperanto-movado (“La fina venk’”).

---




***VKKD 117. JONNY M. “Regestilo”***

Depost 2006 la juna kaj talenta Jonny M produktas rege-muzikon en la angla kaj germana. Lia baza kredo pri “dumfara lernado” kondukis lin kunmeti propran hejmstudion kaj fine atingi ke konataj germanaj rege-produktistoj helpis lin miksi la kantojn. Post kelkaj koncertoj la medio komencis interesiĝi pri li, kaj du kompilaĵoj kun germanaj artistoj sekvis. Sed tio ne sufiĉis por Jonny M, kiu decidis lerni Esperanton.

En 2010 aperis la unua albumeto en Esperanto, “Pli ol espero”, kiu plaĉis al ĉiuj, kaj Jonny famiĝis ĉe la tutmonda Esperanto-publiko. Internacia turneo sekvis kun koncertoj en Japanio kaj Francio.

Post lia partopreno en la “Hiphopa Kompilo 2” (VKKD106), la populareco de Jonny firmiĝis ĉe la esperantista publiko; kaj lia nova kodisko, “Regestilo”, estas sukcesego! Ĉio ĉi – lia imagpovo, energio, entuziasmo, plus amo al muziko, – denove puŝos Jonny M sur la tutmondajn scenejojn dum la tuta 2013.

Juna germana artisto, kiu skribas kaj kantas regeon en Esperanto, ne povus kontentiĝi je malpli ol internacia teamo de muzikistoj kaj aranĝistoj, interalie – el Italio kaj Usono.

---




***VKKD 118. LA PERDITA GENERACIO. “Ĉiamen plu”***

La Perdita Generacio fine revenas kvin jarojn depost sia lasta albumo, “Eksplodigos vian domon” (VKKD92), sekvinta eldonitan du jarojn pli frue “Eksenlime” (VKKD89).

Tiu ĉi nova albumo, “Ĉiamen plu” disvolvas la muzikan vojon, kiu famigis la grupon: belaj melodioj, ludemaj kaj teneraj tekstoj pri gravaj aferoj. Per siaj unuaj du albumoj kaj multaj koncertoj ĉe junularaj renkontiĝoj La Perdita Generacio atingis pozicion de “estra” grupo en Esperantujo. Kantoj, kiel “La kosma aventuro”, “Ĉiuj ni amegas Usonon”, “Malantaŭen”, “Ne normalas, nur kutimas”, “Amokanto” kaj multaj aliaj, fariĝis kultaj por junaj esperantistoj.

Daŭrigante sian vojon, LPG proponas plurajn novigojn en ĉi tiu disko, inkluzive de repkanto kun gasto Platano (eksa Pafklik), kantoj verkitaj de membroj de la grupo, Anna kaj Hendjo, kaj la tuta grupo kiel komunumo, dum daŭre estas multaj kantoj verkitaj de Tomio, kiuj formis la koron de LPG. Du notindaj versioj

de aliaj artistoj estas ankaŭ malkovrindaj: “La dizertanto”, fama kontraŭmilitista kanto de Boris Vian, kaj kuriozaĵo de ne malpli kurioza Mullhippiar Neffsonsson, sveda artisto malmulte konata al la publiko kaj nomita la Kosma Urso, kiu asertas ke “Ĉio bela en la mondo devas iam iĝi plast’!” en sia kanto “Plastokanto”.

Tempo de vojaĝoj, aventuro, lukto, amikeco, sekso, larmoj... bildoj daŭremaj kaj kortuŝaj, dum la produkta kvalito kaj integreco de la grupo firmiĝas. La antaŭlasta kanto de la albumo, “Ĉu vi kontentas?”, estas probable la plej longa popkanto en la historio de muziko en Esperanto, kaj ĉiuj ni demandas, “Ĉu vi pensas kiel mi ke ĉi tiu semajno devus neniam finiĝi?”.

Ne atendu kvin jarojn por la respondo!

---




***VKKD 119. MANUEL. “Mirindaĵo”***

En la tutmonda familio de Esperanto-uzantoj ambaŭ Esperanto-albumoj antaŭe eldonitaj de Manuelo, “Duonvoĉe... tutkore” (VKKD104) kaj “Ĉu plu ekzistas Amo?” (VKKD112), ricevis tre pozitivan reagon de la Esperanto-gazetaro kaj, plej grave, la aprobon de la publiko dum Manuelo turneis en pluraj eŭropaj landoj.

Radioelsendoj kaj podkastoj aŭdigas kantojn el liaj albumoj, nun konataj al multaj homoj interesiĝantaj pri la internacia lingvo. Ĉio ĉi instigas Manuelon por labori je nova kodisko, esperante ke tio denove povos transdoni lian amon al muziko kaj al Esperanto per plaĉaj kaj perfekte prononcitaj kantoj.

Ĉi tiu kodisko enhavas specimenojn de popularaj kantoj de multaj diversaj artistoj kiel Kenny, D’ Esposito, Toquinho, Velásquez, Modugno, Adamo, kaj “La fremdul’” de Georges Moustaki. La tekstoj estas simplaj, sed tamen ne bagatelaj, uzantaj naturan manieron por esprimi nin por la plimulto el ni, por paroli pri amo, amikeco, paco kaj respekto al nia “hejmo”, planedo Tero. La artisto dediĉas ĉi tiun verkon al sia kara patrino, kiu per sia ekzempla vivo orientis lin al valoroj kiel amikeco, frateco ene de homaro kaj la kredo, ke la vivo estas granda donaco.

Manuelo ŝatus kore danki al Mariana Evlogieva kaj Nicola Minnaja pro ilia afabla kaj kompetenta provlega kontribuo.

Dek karaokeaĵoj ĉeestas en la albumo.

---

Por aŭskulti fragmenton aŭ rekte mendi la novajn diskojn, vizitu la ttt-ejon <http://www.vinilkosmo.com> kaj trovu koncernan paĝon. Tie troveblas ankaŭ kompleta katalogo de Vinilkosmo.

***Informletero de Vinilkosmo***

## JARLIBRO 2013 APERIS

La kovrilbildo de la unua numero de la 50-jariĝanta TEJO-revuo *Kontakto* ornamas la portretan paĝon de **Jarlibro 2013**, kiu aperis la 14-an de junio. Ĝia antaŭparolo estas verkita de la Prezidanto de UEA, d-ro Probal Dasgupta, kiu in-

spiriĝis de la rolo de junularo en nia movado ne nur pro la jubileo de *Kontakto,* sed pensante ankaŭ pri la signifo de gejunuloj kiel Hector Hodler kaj Edmond Privat en la frua periodo de UEA. La ĉi-jara eldono estas speciala por Roy McCoy, por kiu lia deka Jarlibro fariĝis la lasta en lia redakto antaŭ lia emeritiĝo fine de la nuna jaro. Krom redakti la Jarlibron, li prespretigis ĝin jam de pli ol dudek jaroj.

Du trionoj de la 280-paĝa libro konsistas el la Delegita Reto, kun la adresoj de 1556 delegitoj en 98 landoj. Pro forpasoj kaj pro malkresko de la nombro de membroj, en la Jarlibro troviĝas 76 delegitoj malpli ol pasintjare. Estas 52 ĉefdelegitoj, 875 lokaj delegitoj, 95 vicdelegitoj, 35 junularaj kaj 1185 fakaj delegitoj. Krome, en Brazilo estas 5 regionaj delegitoj. La fakdelegitoj reprezentas preskaŭ 800 fakojn.

En la unua parto, eldonita ankaŭ aparte kiel Gvidlibro 2013, aperas adresoj kaj aliaj informoj pri la organoj, instancoj kaj servoj de UEA kaj TEJO, pri landaj kaj fakaj asocioj, akademioj, edukaj kaj kulturaj instancoj, bibliotekoj, radioelsendoj, kaj pri Esperanto en Interreto.




Fine de la Jarlibro troviĝas du rabatkuponoj de la Libroservo de UEA por tiuj, kiuj faras mendojn per papera poŝto. Por retaj mendoj ne necesas uzi la kuponon. Membroj kun Gvidlibro kaj Membroj kun Jarlibro rajtas dufoje jare mendi librojn kaj aliajn varojn kun rabato de 10%. Membroj en pli altaj kotizkategorioj rajtas je rabato ĉe ĉiu mendo.

La Delegita Reto kaj aliaj informoj de la Jarlibro estas konsulteblaj ankaŭ rete por la individuaj membroj, kiuj registriĝas kiel uzantoj de la reta Jarlibro. Tie eblas ankaŭ rekte kontakti tiujn delegitojn, kiuj havas retadreson; en la ĉi-jara Jarlibro ili nombras 1283 (82,5%). Unuafoje kelkaj delegitoj anoncis retadreson en Jarlibro 1994. En 1996 unu el dek (10,3%) anoncis ĝin, en 2001 preskaŭ duono (48%), en 2006 pli ol du trionoj (68,9%), kaj en 2010 jam kvar el kvin delegitoj (80,8%).

Al parto de la individuaj membroj la reta versio de la Jarlibro sufiĉas kaj parto ne bezonas la presitan libron, ĉar ankaŭ samfamiliano estas membro de UEA. Fine de majo la membroj kun retadreso estis petitaj sciigi la CO en la kazo, ke ili ne bezonas la presitan libron. Sekve ĝi ne estis sendita al 380 membroj (9%). La presitan Gvidlibron ne bezonis 48 membroj (14%), ĉefe tiuj kiuj pagis la kotizon de Membro kun Gvidlibro por povi legi rete la revuon *Esperanto*.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# *Rustam Karapetjan (Krasnojarsk)*

* * *

Kio nin finatendas?
Kia tremas estont'?
Nia trajno serpentas
Inter montoj de l' mond',
Tra nebuloj kaj herboj
Kuras for de aŭtun',
Kaj atingos ĝi nepre
Sorĉan landon de l' sun',
Kie ondojn karesajn
Kudras akra delfen',
Kaj sur koron ne premas
Ĉiutaga malplen'.

* * *

Al mi telefonis anĝelo
Kaj diris per voĉo angora:
"Hodiaŭ grandega danĝero
Minacas al vi, mia koro".

"Ho, kia danĝero, vi diru,
Kaj sorton mizeran prilumu..."
Sed svenis nur larma suspiro
Kaj metis anĝel' orelumon.

* * *

Geknaboj forflugis ĉielen.
Gepatroj kriadis al dorsoj,
Ke ili forgesis ĉapelojn!...
Ke ili ne havas rimorsojn!...
Ke eble pluvegos hodiaŭ!...
Ke flugi ja estas malsaĝo!...
Ke devas bubaĉoj sendiaj
Surteren reveni al manĝo!...

* * *

En domo inter antikvaj mebloj
Viv' preterpasis nerimarkeble.
Nur polvo kovris tapiŝan plankon
Kaj iĝas griza kolor' el blanka.
Nur tagoj flugis for kiel birdoj,

Nur ankaŭ flugis for karaj idoj.
Kaj malpleniĝis de l' viv' glaseto.
Katinoj restis nur kaj gazetoj.
Sed ie, ie – vi scias ĝuste,
Atendas vivo vin kaj aŭgusto.
Vi tie juna kaj inspirita...
.......................................
Vekiĝas vi en malvarma lito...

* * *

Dio spektas sob la Teron
El ĉiela fenestret':
"Ĉu mi tion volis vere?
Mi pri tio dubas tre..."

Hom' rigardas ironie
Al lontana firmament':
"Ĉu Vi tion volis, Dio?
Aŭ okazis eraret'?"

Kien vivo nin fingvidos?
Aŭ ĝi simple estas hul'?..
Hom' kaj Dio vid-al-vide –
Kvazaŭ iu ĉe spegul'.

* * *

"Nepre ĉio estos bone
Kaj pli bone estos plu.
De sur koro falos ŝtono,
Komenciĝos nova lud'.

Supreniĝos ree l' Suno,
Kaj denove kuros voj'
Inter kampoj de kaluno
Kie kantas gaja roj'.

Estos vivo longa, brila,
Estos sorĉa Eldorad'.
Ĉio estos ja. Sed kial
Vi rigardas kun kompat'?

Ĉu naive mi eraras?
Ĉu malsano prenos min?"
"Ĉio estos bone, kara.
Tio ja ne estas fin'."

Li ekdormis. Sonĝ-fabelo
Lin forportis al ĉiel'.
Kaj silentis la Ĉielo.
Kaj ekflamis nova stel'.

* * *

El fora regno flugis gruo blanka.
Al ni rakontis ĝi pri tiu flanko:
Pri akvofaloj kaj pri ĉielarkoj,
Pri perl-palacoj kaj pri sorĉaj drakoj.
Ĝi vokis nin, sed vokis senutile,
Ja ni ne povas flugi sen flugiloj,
Kaj kvankam volus trafi ni fabelon,
Sed nin timigas alto de l' Ĉielo.
Forflugis gruo hejmen tra vespero.
Sed ni atendas ion kaj esperas.
Mallaŭdas ni infanojn pro la bruo.
Kaj ili ĵetas sor paperajn gruojn.

---

# *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

**Traleginte "Paradizon ŝtelitan" de Trevor Steele**

Aborigenoj de Aŭstralio –
Vasta liber' en verda iam'.
En la natura ĉasta medio
Regis laboro, pac' kaj vivam'.

Oni nomadis, ĉasis kaj festis
En paradizo de sia ter'.
Belaj kaj fortaj homoj kunestis,
Freŝis viando, akvo, aer'.

Kiam Briti' etendis la manon
Al liberejoj de l' kontinent',
Frapis la sorto ĉiun tribanon,
Ekis, kreskante, ties turment'.

Pelis venintoj aborigenojn
Al rezerveja mortinsular'.
Monavideco spronis la penojn
Pri la ekstermaj planoj kaj far'.

Daŭris obstine por la homĉaso
Kvazaŭ saveme l' trompa taktik'.
Fidis plu homoj, velkis la raso –
Brila sukces' de l' fipolitik'.

Iujn turmentis helpaj aspiroj:
Sonis konsiloj, feblis la prov'.
Kion signifis koraj deziroj
Savi aŭ helpi – laŭ kia pov'?

Rompis kutimojn, morojn kaj pensojn
La neniige plaga invad',
Kaj plu detruis korpojn kaj mensojn
Spleno, drinkemo, nenifarad'.

Ne akceptante ordon la britan,
Dum la velkad' pro ties venen'
La paradizon rabe ŝtelitan
Povis nur sonĝi l' aborigen'.

**Al Dennis Keefe**

***(responde al lia artikolo "Esperantistoj, Esperanto, merkatiko kaj ni" en "La Ondo de Esperanto", n-ro 4-5, 2013)***

Do, informoj, reklamo, varbado –
Plu alvoku l' amika medi',
Kaj ruliĝu pli vigle la rado
De l' invito al Esperanti'!

Kursanaroj kunvenas kaj lernas
Je la neatendita fortun',
Tamen poste l' demando konsternas:
Kiel uzu la lingvon mi nun?

En la kurs', en la verva lernado
Kaŝas sin la plej grava problem':
Al la verv' ne minacu la fado,
Ne aperu la senreviĝem'!

Kion fari, ke plu interesu
Esperanto kaj ĝia vivmond',
Ke ĝin lernu kaj uzi ne ĉesu
Oni nun kaj en sia estont'?

Eblas varbi, informi, reklami –
Logu la Esperanto-fascin'!
Kiel ankaŭ sugesti ĝin ami,
Ke dankeme ekamu ĝi nin?..

**"La aventuroj de Ŝerloko Holmso"**

Ĉi tiujn aventurojn
Mi antaŭlonge legis,
Glutante la enhavon
Je haltoj de l' spirad'.
Enketojn, misaŭgurojn
Penetre l' penso regis,
Kaj festis nepran savon
Senkulpa kulpigat'.

Nun legas mi la samajn
Rakontojn venigite
Al la internacie
Vokema lingva dens'.
Kazimplikaĵojn dramajn
Mi vivas ial spite
Al la oldec', kaj ĉie
Plu ravas bel' de l' pens'.

Do, kian vortpotencon
Donacas la verkisto
Al multaĝul', infano,
Hodiaŭ, en iam'?
Kaj kian verkesencon
Por ties temprezisto
Li trovas en vulkano
De sia krea flam'?

En ĝenro l' aventura
Por detektiva rondo
Tempestas krimtorento
Sur ĉiu vivosojl',
Sed restas l' ununura
Plu Holmso en la mondo
Dank' al la vivprezento
Per plum' de Conan Doyle.

*Margarita Karceva (Uljanovsk)*

## Tarĥankutaj motivoj

*(preskaŭ hajkoj)*

Post la tagmezo
je la herboj odoras
stepo krimea.

Dum marekskurso
petolantaj delfenoj
ĉiujn ĝojigis.



Rokaj krutaĵoj
pri la tempo antikva
ŝajne rakontas.



Tra akvo pura
konkoj, fiŝoj, ŝtonetoj
estas videblaj.



Ĉe lignofajro
sonis kantoj teneraj
sub la stelaro.








# Tarĥankut-blus'

***muziko de la kanto "Signing the blues" de Tommy Steele, E-teksto de J.Zajdman***

Ĉarmo de la vasta stepo
Tarĥankut-blus'
Kaj minacaj bordaj rokoj
Tarĥankut-blus'
Kaj plus –
diafana mara sin'.



Maje ĉiam kampoj floras
en Ĝangul,
Herboj, ŝtonoj bonodoras
en Ĝangul.
Primaver'
regas sur dezerta ter'.

Sed sur varmega seka ter',
Nomata Tarĥankut,
Ekzistas la oaza er' –
La Ra-ke-ta – verda gut'.



Estas la ekskurso ankaŭ
al Atleŝ,
Al muzeo de statuoj
en Atleŝ,
En profund'
sur la ŝtona mara fund'.

La statuoj de la grandaj
(en pasint')
Komunistaj eksgvidantoj
(en pasint')
Kaj nektar' –
de genioj busta ar'.

Kaj la unika ekzempler'
De ZEO en la mond'.
Nek en la kosmo, nek sur ter' –
Ni-a pi-o-ni-ra rond'.



Ĉarmo de la vasta stepo
Tarĥankut-blus'
Kaj minacaj bordaj rokoj
Tarĥankut-blus'
Kaj plus –
diafana mara sin'.

*junio 2013*